ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. Hodler.
Redaktoro : D-ro Edm. Privat.
Direktoro de UEA : Hans Jakob.

Adreso : I, Tour de l'Ile, I
GENÈVE, Svislando

ENHAVO :

Kongresa numero :



XXIX-a Jaro N° 396/7
AŬGUSTO-SEPTEMBRO 1933

# Ni fosu nian sulkon

Tion prave diris Profesoro Cart post la krizo de la Delegacio en 1908, kiam UEA ekfunkciis kaj efike logis fervoron de la esperantistoj for de la lingvaj diskutoj al praktika uzado de la lingvo.

La samon ni povas rediri hodiaŭ post 25 jaroj, kiam UEA festas sian jubileon kaj samtempe solvas la organizan problemon. Nun ĝi logu la fervoron de la esperantistoj for de la priorganizaj polemikoj al la pozitiva utiligado de nia lingvo.

De nun UEA estos la centra institucio de nia movado sur la internacia kampo. Kun la naciaj societoj ĝi kunlaboros laŭ firma sistemo kaj ĝi prizorgos tiujn aferojn, kiujn oni povas realigi nur ekster ĉiu nacia vidpunkto.

Same faras Universala Poŝta Unio aŭ Universala Telegrafa Unio. Ni gratulu la invitintojn de la kongreso en Kolonjo ne nur pro la modela organizo de iliaj aranĝoj en malfacilaj cirkonstancoj, sed ankaŭ pro la sukceso de la interkonsento pri la centrigo de laboroj en manoj de UEA.

Certe ne ambiciis nia Asocio preni sur sin ankoraŭ pluajn respondecojn. Tamen la fido esprimita de la samideanoj estas ĝusta honorigo al la fondintoj de la Asocio kaj prava rekono al la energio de nia prezidanto, s-ro Stettler, unu el la fruaj kunlaborintoj de Hector Hodler.

Ĉar la esperantistaro volis konfidi la estontecon de nia movado al UEA, ĝi montros sin inda je la granda tasko kun la helpo de ĉiuj kaj ĝi marŝos antaŭen kun renovigita kuraĝo.

Ĝi donu de nun al nia movado sian koloron la plej ŝatindan, nome la gvidemon al serioza disvastigado de nia lingvo, ne por pure internaj kaj esperantistaj aferoj, sed por utilaj kampoj de internacia vivo.

Eĉ kiam naciaj interesoj ŝajnas havi ĉie la unuan lokon, la bezono kaj neceso je interŝanĝoj restas same — eĉ eble pli — senteblaj kaj gravaj sur kampo intelekta kaj ekonomia.

La granda laboro de la Internacia Ĉe-Instituto kreis bonegan reton de instruantoj. Miloj da homoj lernas la lingvon. Ni de nun faru ĝin utila donante al ĝi enhavon de servoj, libroj kaj kunvenoj pri ĉiuj aferoj, en kiuj la popoloj bezonas la kunlaboron de la ceteraj nacioj.

La nuna epoko estas tempo, kiam la idealon de Zamenhof oni plej oportune realigu per faroj, ĉiam pli elokventaj ol nuraj paroloj.

Edmond Privat.

# XXV-a Universala Kongreso de Esperanto
## kaj la Jubilea Kongreso de UEA

**Enkonduko.**

La kongresoj de Esperanto depost 1930 staris sub tre malfavoraj signoj : Krakovo en 1931 precipe suferis pro la subita akriĝo de la monkrizo en Centra Eŭropo, kio grave endanĝerigis la okazigon. Parizo ankaŭ multe suferis pro tio, sed tamen sukcesis atingi 1618 enskribiĝintojn kaj iom pli ol 1500 partoprenintojn. Se la du cititaj kongresoj ĉefe suferis pro la mono, tiam oni prave povas diri, ke la 25-a kongreso suferis pro la mono kaj politiko samtempe. La politika ŝanĝo en la kongreslando nature havis siajn sekvojn por nia ideo, ĉar ŝajnis ke la novaj estroj ne ŝatas nian aferon. Tasko ne enviinda por la Loka Kongresa Komitato, kiu laboris sub duoble pli malfacilaj cirkonstancoj. La cirkulantaj onidiroj pri la interna stato de Germanujo, la diversaj flankaĵoj kiuj akompanas ĉiun politikan ŝanĝon, fakte timigis la homojn aliĝi al la kongreso. Ne estas tie-ĉi la loko por diskuti okazintaĵojn kies pasivaj samtempuloj ni estis. Dum Majo povis ŝajni, ke la tuta granda laboro de la Kolonjaj amikoj estis vana, ja en iuj rondoj oni parolis pri ebla malpermeso de la kongreso kaj eĉ de la movado mem. Pesimismuloj ja neniam mankas, precipe en epoko tiom plena je animstreĉoj kaj seniluziiĝoj. Sed, naskita sub la ombro de la interna krizo de nia movado, pro la subita rompo en Parizo, suferinta infanmalsanojn plej gravajn, la kongreso okazis kaj ni aldonu : *Brile.* La redakcio de ESPERANTO petis malnovan kunlaboranton, S-ron Georg Agricola, raporti pri la kongreso per plumo sendependa kaj rigardi ĉion per okuloj de simplanima civitano, forlasante ĉiujn antaŭjuĝojn. Ni donas la parolon al nia kunlaboranto, kun espero ke lia raporto trovos komprenon ĉe la legantaro. (Redakcio.)

**Rejnvojaĝo**

*Alrapidu tutmondanoj,*
*Al la bela Rejna bord'*
*Vin mirigos de l'Rejnanoj*
*Korgajeco kaj konkord' !*

Venante de l'sudo al Kolonjo, kaj disponante je la necesaj tempo kaj humoro kun bela vetero, la vojaĝo sur « patro » Rejno estas kaj restas neforgesebla travivaĵo. En Basel en la germana stacidomo, unua kontakto kun la nova Germanujo respektive kun la funkciuloj de kontrolo kaj de dogano. Laŭ ĉio aŭdita, oni atendis minimume aron la brunĉemizuloj kun esploremaj okuloj kaj ordonaj gestoj. Agrabla surprizo : Ekstreme ĝentila doganisto plenumis la necesajn formalaĵojn, donis dokumenton pri la kunportata mono. Nenie ia troeco, nur la kutimaj necesaĵoj, sed ĉio farita en deca kaj afabla maniero.

Nu, mi pensis, se tie ĉi ne estas videblaj la armeanoj de la nova reĝimo, tiam certe baldaŭ mi vidos tro multe da ili. Esploreme mi rigardis dekstren kaj maldekstren sed nenion vidis. En Mainz, alveninte frumatene, jen la unuaj flagoj kun la « Hakenkreuz »[1], tiu ĉi simbolo de la « Tria Regno ». — Surprizo. Jen elirante vagonaron juna nacisocialisto en la bruna uniformo kun la insigno kaj super ĝi la verdan stelon, atendis kaj akompanis nin (ni estis kelkaj) tra la urbo al la haveno. Fervora adepto de la nova kredo, nia juna samideano klarigis al ni la situacion, tiel kiel li ĝin komprenas kaj kredas. Preskaŭ mistika kredo, kun ia certeca esprimo en la vizaĝo, ke la malbonaj tempoj nepre finos kaj tio tre baldaŭ. Mainz la ora, tiu ĉi antikva civito, fondita de la romanoj, grava nodo de trafiko laŭlonge de la Rejno, prezentas multon por vidi. Iama fortikaĵo de la Roma Imperio, pli poste grava urbo sub diversaj regadformoj, Mainz estas industria centro tre grava. Vivis kaj laboris tie granda bonfarinto, la elpensinto de la presarto per movigeblaj literoj, Gutenberg. Pentrinda malnova urbo, katedralo el epoko de Karlo la Granda, ĉiupaŝe memoraĵojn el glora historia pasinteco. Sub gvido de la afabla kaj servema Delegito de UEA, Prof. Läufer ni ĝuis belajn vidaĵojn kaj fine ekiris al la ŝipo. Luksa, bela, komforta (aldonu laŭplaĉe pliajn adjektivojn) pasaĝerŝipo « Mainz » akceptis nin kaj la revo komenciĝis.

Kion rakonti pri la rejnveturo ? Kliŝo estas la diro, ke ĝi estas grandioza. La naturo en siaj aperaĵoj estas ĉiam grandioza, sed tie ĉi natura beleco kuniĝas kun memoraĵoj el la pasinto, fabeloj, legendoj, kantoj kaj . . . vino. Efektive vino, ĉar seninterrompe etendiĝas la vinber-montetoj, zorge flegitaj. Pasas Schierstein, Eltville, Rüdesheim, Bingen, Assmannshausen, Bacharach, Caub, kaj subite eksonas la sentimentala melodio

*Ne scias mi, kial mi estas*
*Malgaja en la kor,*
*Antikva fabelo restas*
*Por ĉiam en mia memor',*
*Vespero jam ekmalheliĝas,*
*Fluadas la Rejn' en trankvil',*
*La supro de l'monto lumiĝas*
*En vespersuna bril'.*

Estas la roko de la Loreley, prikantita de Heinrich Heine, filo de l'Rejnlando. Majeste la ŝipo preterpasas urbetojn, kastelojn, kies nomoj estas ĉiam ligitaj al iuj okazintaĵoj, memorigataj en tiuj sennombraj Lieder (Kantoj), foje sentimentalaj, foje gajaj. Jen Koblenz, kies nomo diras, ke enfluas aŭ kunfluas rivero (Confluentes) nome la Moselo. *Ehrenbreitstein*, fortikaĵo aŭ kastelo fortikigita rigardas de sur monteto la viglan vivon sur la granda rivero, akceptanta la akvojn de la Moselo. Preterpasante kelkajn insulojn en la rivero, ni atingas baldaŭ *Andernach* kaj pli poste *Namedy.* Daŭre ŝanĝanta, la pejzaĝo ripozigas malgraŭ suno ardanta. Tamen fine la okulo laciĝas, ĝis gaja kantado de aro da anglaj studentoj en harmonia kuneco kun germanaj, forigis la emon, fermi la okulojn kaj dormeti. Rolandseck aperas, restaĵo de iama « Burg », kaj jam ni vidas urbon Königswinter, superita de la Drachenfels, krutmonto kun ruinaĵo. Godesberg, aperas, urbo kie iam estis forta grupo esperantista, sub gvido de Max Butin, malnova kaj fervora esperantisto, kaj

---

[1] Hakenkreuz, Svastiko, Angle Fylfot aŭ Swastika, ĉeĥe : hákový kriz, France croix gammée, Itale : croce gammata.

neforgesinde, la vivloko de la milionfoje prikantita Anjo de Godesberg, la kreditopreta gastestrino sub la tilio.

Kaj jen Bonn, universitata urbo plej aristokrata en la antaŭmilita tempo. Rapide ni alproksimiĝas la celon de la vojaĝo, jam silentas la *Lied'oj*, ĉiuj malpacienciĝas, preparas sin por la elŝipiĝo. Gigantaj pontoj kaj la katedralo, jen salutas nin

**Kolonjo,**

la tiujara ĉefurbo de Esperantujo. Centoj da atendantoj, inter ili samideanoj, gaja salutado, interkisado, babilado. Jen finis la rejnvojaĝo kaj ni troviĝas en la gaja Kolonjo.

**Ĉirkaŭ la kongreso**

*Alkuru vigle en amas'*
*Al la belega Rejn-teras'.*
*Gekavaliroj de l'esper',*
*Por interkonatiĝ-vesper'.*

Tiun ĝentilan inviton, presitan en la Kongreslibro, mi sekvis laŭ bona malnova kutimo. Interkonatiĝa vespero! Kian ĉarmon entenas tiu ĉi vorto, ĉarmo nur komprenata de tiu, kiu iam partoprenis kongreson. Bruado, zumado de vortoj en nia kara lingvo, konataj vizaĝoj, novaj esperantistoj, kaj vigla vivo vekigas eĉ mortinton. Impona estas la Foira Palaco kun siaj aldonaĵoj, pruvantaj la krean kapablon de la germanoj. Ne kompleta estus la rakonto, ne menciante la kongresdokumentojn. Ĉiu kongreso ĝis nun alportis ion novan. Kaj en Kolonjo oni transdonis al ni anstataŭ la kutiman koverton kun la amaso da paperoj, belan saketon el fortika papero, tre solida kaj kun tenilo. Bonega ideo, taŭga esti daŭrigota.

Halt', mi ja forgesas ion. Sabate je la 15-a horo, la *Germana Esperanto-Asocio* havis sian jarkunvenon. Tiu ĉi jarkunveno havis specialan signifon pro la nuna situacio. Gazetlegantoj negermanaj certe vidis en informoj el Germanujo la vorton *Gleichschaltung*. Nu, germana eltrovaĵo verŝajne, diras al si leganto, ne komprenante. Nu, la nova reĝimo, kiu bazas sur la principo de aŭtoritateco, starigis certajn regulojn, laŭ kiuj societoj, ankaŭ tiaj kun nepolitika celo, devas sin organizi. Laŭ tio, organizaĵo, kiu volas daŭrigi sian agadon, devas konformigi sian regularon kaj agadon al certaj postuloj. Germana Esperanto-Asocio, por respondi al tio, proponis al la anoj tiun adaptiĝon al la reguloj de la Gleichschaltung[1], do samdirektigo.

La granda kongressalono estis duone plena, inter tri ĝis kvarcent samideanoj germanaj. La prezidanto de la GEA, Poŝta konsilisto Behrendt, gvidis la jarkunvenon, en sia kutima decida maniero. Klaraj diroj, levitaj brakoj, mallongaj alparoloj, ekzakta ritmo kaj disciplino. La anoj de la GEA, aŭdinte la raporton de la prezidanto, akceptis la proponon faritan kun malgranda ŝanĝo rilate je certa paragrafo. Ne plu estas prezidanto, sed gvidanto (Führer) ne plu estas estraro (Vorstand), sed gvidanta konsilantaro (Führerrat) kaj ne plu lokaj grupoj, sed nur rektaj membroj kun subestro (Obmann), respondeca al la gvidanto. Tamen la anoj rajtas kunveni en libera formo. Per kanto de la nacia himno, la Deutschlandlied kaj Horst-Wessel-kanto komenciĝis la kunveno. Kaj finis per la mildaj sonoj de la « Espero ».

Sabate, 29an de Julio jam okazis kunvenoj de estraroj en tipa loko, nome en la tura ĉambro n-ro 3, konservante specialan noton en la historio de nia movado. Ĉu la interpaciĝo okazos aŭ ĉu la spirito de Ĝenevo jam malaperis sub novaj impresoj kaj novaj deziroj? La kutimaj kaj neforigeblaj onidiroj cirkulas. Zorgoplenaj vizaĝoj sin demandas kio rezultos el tiu ĉi disigo de la opinioj. Ĉu Kolonjo alportos la pacon?

**Malfermo**

*Mien' serena, ĝoja kor'*
*Alvenis jubilea hor',*
*Kongresmalfermo kun solen'*
*Del' 25-a mondkunven'.*

Dimanĉo. Festotaga atmosfero. Sonorigado de la katedralo, aŭdebla en la tuta urbo. Ĉio taŭga por la malfermo de nia 25-a. Diservoj katolika kaj protestanta.

Gürzenich, antikva konstruaĵo, estas la celo de la centoj kaj centoj de verdrubanditaj homoj. Precize (ĉu necesas tion diri en la lando de l'ordo kaj tradicio?) komencis la ceremonio, ankaŭ laŭ tute nova maniero. Alta estrado, malantaŭe la imperia flago, la verdstela kaj la dua oficiala flago germana kun la konata emblemo. Ĉirkaŭe la flagoj de la landoj, kiuj ĉeestis la kongreson. Sur la estrado, Sinjoro Warnier, prezidinto de la 24-a kongreso, Sinjoro Behrendt, gvidanto de la Germana Esperanto-Asocio, S-ino Gernsbacher, S-roj Schoofs kaj Stettler, Direktoro Rob. Kreuz kaj ceteraj funkciuloj de la movado.

Sub sonoj de tamburoj kaj fajfiloj enmarŝas taĉmento de tramistoj kun la Esperanto-flago. Salutlevitaj brakoj, vizaĝoj streĉitaj de atento.

Orgeno. Nacia himno kaj la Horst-Wessel-kanto eksonas. Silento.

Malfermas la Jubilean kongreson, S-ro Warnier, per la kutima enira parolado, seriozaj vortoj spicitaj per humoraj rimarkoj. Transprenis la gvidon de la kongreso, Sinjoro Behrendt, ambaŭ longe aplaŭditaj.

La tradicia elekto de la kongresestraro okazis sen opozicio. Denove surprizo. Vigla rejnlanda infano, ĉarma por kisi, aperas sur la scenejo, sentime kaj nature. Belvoĉe kaj kiel profesia artistino, la aminda Marianne Schneider deklamis la kunmetaĵon de versaĵoj de D-ro Zamenhof, aranĝitan de Julio Baghy. Ne finiĝanta aklamado esprimis la dankon de la kongresanoj.

La gajan infanon sekvis per festa parolado la prezidanto de la kongreso, Sinjoro Behrendt. En klara ĉie aŭdebla voĉo, li skizis la deziron de la homaro je interkompreniĝo, ĝenerala, politika kaj ankaŭ lingva. Al la samrajteco politika kiun postulas ĉiuj gentoj li aldonas la postulon de la samrajteco sur lingva kampo, postulo kiu entenas la konfeson al la gepatra lingvo kaj la vokon ke estu komprenate nia klopodado, esence ĝenerala. Unua lingvo la gepatra por hejma uzo kaj Esperanto por la ekstera. Unu kompletigas la alian.

Streĉe aŭskultis la kongresanoj la oratoron. Tondra aplaŭdo pruvis ke ĉiuj konsentis pri *nia* postulo je samrajteco sur lingva kampo. La ĝeneralan aprobon resumis la oratoro fine per la belaj vortoj :

*Fratoj manon donu kore, kaj senzorge sendolore*
*Belan horon festu ni.*
*Ĉian teran forjetante, daŭru forte kaj konstante*
*Nia bela harmoni', nia bela harmoni'.*

*Homoj en la oriento, homoj en la okcidento*
*En la sud' kaj en la nord.*
*Alte teni homan nomon, kore ami ĉiun homon*
*Estu nia liga vort', estu nia liga vort'.*

---

Ĉeestis la malferman kunsidon la konsuloj de ĉiuj landoj, kiuj komisiis la belgan ĝeneral-konsulon alparoli la kongre-

[1] Gleichschaltung : samdirektigo. Angle kaj France : synchronisation ; Ĉeĥe : usmerneni.

son. Per varmaj vortoj en franca lingvo li plenumis tiun taskon.

Ree silento. — Supreniras la estradon, la ĉefurbestro D-ro Riesen por saluti en la nomo de la urbo la kongreson. Mallonga, decida, simpla. Kun peto al la kongresanoj observi kaj konstati, ke en Germanujo regas ordo, disciplino, kaj laboremo kun volo restarigi sub nova reĝimo ekonomion kaj bonstaton.

Levitaj brakoj, forta aplaŭdo.

Observema animo eble eksentis la mankon de deziro je sukcesa laborado, aŭ ĝeneralaj vortoj rilatantaj nian aferon.

Inter la alparoloj de naciaj reprezentantoj estis speciale atentinda tiu de ĉina franciskano, Johano Baptisto Kao, kiu veninte de Romo ĉarmis la kongreson per sia elkora rideto, simpatia vizaĝo kaj bonega maniero laŭ kiu li parolis en Esperanto. Stranga kontrasto vidi meze de eŭropanoj, ĉinon en la bruna kostumo de S-ta Francisko, predikanto de la simpleco kaj mildeco.

Orgenludo. La himno. Ekstaris ĉiuj. Milvoĉe eksonis la potenca preĝo de D-ro Zamenhof en la antikva Gŭrzenich, kaj fortege promesante finis tiu ĉi solenaĵo per

*ĝis la bela sonĝo de l'homaro*
*per eterna ben' efektiviĝos.*

**Somera Universitato**

*Kunsidoj multaj kaj S.U.*
*Ne eblas dormo aŭ enu',*
*Sed post labor' agrabla far'*
*Ripozi en la ĝardenar'.*

La Somera Universitato, tiu ĉi kompletigo de la kongreso, allogis multajn esp. studemulojn. La programo indikis interalie jenajn prelegojn :

D-ro A. Vogt, Stuttgart : La financa krizo kaj ĝiaj originoj.

D-ro W. Perrenoud, Neuchâtel : Studo pri kompara bestpsikologio.

Prof. D-ro Collinson : La metaforoj en la internacia helplingvo.

Mi konfesas, ke pro la tro multaj plezur-aranĝoj kaj la amindaj rejnlandaninoj, mi ne sukcesis partopreni tiujn prelegojn. Tamen mi vidis la grandan intereson kiun elvokis la argumentoj de la prelegintoj. La redakcion de ESPERANTO mi informis pri mia manko de devo kun peto enpresi raporton de kompetenta samideano, pli universitatema ol mi. Prezidis la S.U. D-ro Canuto, Direktoro de la jurmedicina Instituto de la universitato de Torino. Pro malhelpo veturi al la kongreso, la prelego de D-ro Perrenoud *ne* okazis.

**La tago de UEA**

*Fanfara puŝ' heroldas jen*
*Pri jubilea datreven',*
*Dudekkvin jaroj pasis ja*
*De post fondiĝis UEA.*

Merkredo, la dua de Aŭgusto estis plene dediĉita al la aranĝoj de UEA. La datreveno de ĝia fondiĝo ja rajtigas, ke oni faru ion specialan pri tio kaj efektive tio okazis. La programo montris *Jubilean festkunsidon*, la kutiman aferan kunsidon kaj ĝardenfeston kun koncerto. Kiam mi ekvidis la grandan salonon mi pensis ke ĝi estos duone malplena, sed mi malpravis. Neniam UEA havis tiajn bone vizititajn kunvenojn dum la kongresoj postmilitaj kaj videble estis kiom forte enradikiĝis la amo al *nia* Asocio, la kompreno pri ĝiaj celoj kaj la spirito laŭ kiu ĝi estas gvidata.

Palmoj kaj verdaĵoj ornamis la verde kovritan tablon ĉe kiu eksidis la estraro. En la fono granda verda stelo kun literoj UEA. La prezidanto de UEA, apud li la vicprezidanto kaj nia plej malnova komitatano Paul Blaise, komitatanoj ĉefdelegitoj kaj la Direktoro, ĉiuj kun edziĝfestaj vizaĝoj okupis la seĝojn, iom pli malfrue ol anoncite. Estis antaŭvideble ke pro la efikoj de la Rejnlanda vespero, okazinta vesperon antaŭe, la karaj kongresanoj nur malfacile ellitiĝas. — Pleniĝis la salono, ĝoja atmosfero, nenio mankis por certigi sinsekvan plenumon de la programo.

Elekto de 35 honoraj membroj de UEA, honordonacoj al la plej malnovaj komitatanoj S-roj Blaise kaj Rockmann, al la Direktoro kaj fine la granda surprizo. Vere estis surprizo. La Komitato, la ĉefdelegitoj kaj la oficistoj de UEA transdonis al la prezidanto Ed. Stettler per ĉarma fraŭlino, plakedon kiel memoraĵon al la 25-a jubileo kaj kiel esprimon de dankemo por la gvido de la aferoj dum tiu ĉi tempo. Kaj dua surprizo estis la poeziaĵo verkita de D-ro Kalocsay « La kapitano el Berno », laŭtlegita dum la kunveno. Kiel malnova ano de UEA kaj partopreninta ĝin de la komenco, mi sentis tiom fortan emocion, ke mi mankis tute mian raportan devon. Feliĉe proponis sin anstataŭanto kaj la leganto trovas en alia loko pli kompetentan priskribon de la Tago de UEA.

**Oni organizas senfine**

Speciale interesis min kiel la estroj de la movado sukcesas trovi solvon por forigi el la taga diskutado (leganto, senkulpigu mi petas vin) la organizan problemon. Kiom da saĝo, jam estis uzita por atingi ion, ne estas direble. La esperantistaro rigardis tiun ĉi bruan diskutadon kun miksitaj sentoj. Estas ekster dubo, ke dum tiu ĉi tempo de reciproka instruado pri la plej bona maniero sin organizi, kreskis konsiderinde la konsumo de papero kaj de inko. Oni eĉ diras, ke UEA por eviti plikarigon de la papero, necesa por la informado, akiris kolosan kvanton de prespapero. Mi ne scias ĉu tio estas vero, sed laŭ la batalpretaj vizaĝoj de la UEA gvidantoj, mi rajtis konkludi ke ili defendos sian vidpunkton plej energie. Nu, mi klopodis do iel penetri en la altan turon sur la foira tereno. Sed necesis esti ia eminentulo de la movado por eniri, ĉar severe oni rigardis ĉiun. Nu, lerninte mian metion sur la Balkano, mi konis la krean forton de Bakŝiŝo, kaj dank' al tiu la pordisto trovis kaŝlokon por aŭskulti ĉion. Ne demandu min *kiel*, ĉiuokaze mi povis kapti ĉion.

Post la kutima venen-kraĉo de unu al aliaj, oni rapide venis al la afero mem. Ŝajne niaj eminentuloj bezonas ĉiam tian momenton por dokumenti, ke krom la kutimaj mieldolĉaj vortoj ili ankaŭ posedas aliajn, malpli akademiajn vortojn. Pro tio mi ne konsideris tiom serioze la dirojn de tre eminenta organizanto, kiu postulis diktatoron de la movado kun supozeble subkonscia deziro, presenti sin mem kiel tian. Pli poste mi pensis, ke tre verŝajne niaj eminentuloj per sia reciproka interŝanĝo de ĝentilaĵoj nur deziras kompletigi la vortaron.

Tiuj organizaj kunvenoj eble havis ankaŭ alian celon. Nome, ili daŭris kutime kvin ĝis ses horojn, kaj la heroeco eĉ esprimis sin tiom videble, ke la kunsidantoj ne vespermanĝis. Ne povante kompreni tion, mi konkludis ke supozeble la plimulto suferis je neregula digestado kaj uzis tiun kunvenon por kuraciĝi per fasto.



**Malferma kunveno**
**La ĉefurbestro de Kolonjo**
**D-ro Riesen (meze).**



**Malferma kunveno**
**Ĉina reprezentanto, monaĥo**
**J.B. Kao salutas la Kongreson.**




**Dum la festkunsido de UEA.**
**Komitatano S-ro Isbrücker dankas**
**en la nomo de la honoritoj.**

Kaj kio rezultis el ĉio ?, demandas la leganto. Nu, oni ĝisfunde diskutis la faman *Planon de Genève* kaj akceptis ĝin post aldono de diversaj ŝanĝoj. Kaj je historia tago, la 4an de Aŭgusto 1933, la unuecigo de la movado en UEA estis akceptita. Bedaŭrinde tiu ĉi lasta kunveno okazis en alia ĉambro, dume mi sidis trankvile en mia kaŝloko. Kiam neniu venis mi konsciiĝis, pri ia mistifiko kaj klopodis tiam eniri sub ia preteksto. Nu, alveninte mi vidis, ke ne plu necesis. Larĝe malfermita pordo, gajaj vizaĝoj, interbrakiĝo de du gravaj funkciuloj, S-roj Vogt kaj Stettler ĉiu kun rozo en la mano kiel veraj pacanĝeloj. El la iom konfuzaj vortoj de ĉiuj, mi konkludis, ke de nun regas ordo kaj disciplino en Esperantujo kaj la certigo, ke ĉio ja ne estis komprenita kiel oni legis antaŭe.

Mi petis iun el la sinjoroj pri klarigo de la situacio. UEA enkorpigas laŭ certa procedo la naciajn societojn, kies anoj fariĝas aŭtomate anoj de UEA. UEA estas la centra organizaĵo esperantista, kun proksimume samaj aranĝoj kiel ĝis nun. ICK, K.R. UFE, ĉesas kaj ĉio transiras al UEA. Nu, mi pensis, se ĉiuj estas tiom cedemaj, mi ja ankaŭ povus fari belan geston kaj tuj deklaris mian re-aliĝon kiel *helpmembro*. Por pli alta kategorio, ne mankis bona volo, sed nur la mono, kiun mi elspezis ĉe la Rejnlanda Vespero. Videble la eminentaj esperantistoj ĝojis pri mia granda ofero (Frk. 2,50) kaj promesis diskonigi tion dum la venonta kunveno.

**Fakaj kunsidoj.**

La programo de la kongreso anoncas kunsidojn de la blinduloj, de la Kristana Ligo, de la juristoj, de rotarianoj, de radi-amikoj, Baha-anoj, de la Scienca Asocio Esperantista, germanaj instruistoj, de TAGE (Tutmonda Asocio de Geinstruistoj tutmondaj), de la poŝtistoj, de stenografistoj, de la Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio, de Esperantistaj Virinoj; tio estas entute 13 diversaj fakkunvenoj. Ĉar la tago havas 24 horojn el kiuj minimume 8 por dormi, minimume 4 por la ceteraj bezonoj de la vivo restas nur 12 horojn, kiujn mi bezonis por la regulaj aranĝoj de la kongreso. En la granda kunveno de UEA oni petis la bonvolajn raportistojn sendi raporteton al la redakcio. Unu tion faris tuj dum la kongreso. La ceteraj silentis kaj eble daŭrigas silenti. Supozeble la gaja atmosfero de la kongresurbo malebligis al ili plenumi tiun devon.

**Ceteraj aranĝoj.**

Menciinda estas la Literatura Vespero, dimanĉon vespere. Belega programo. Deklamaĵoj el verkoj de Zamenhof, Kabe, Hankel, Baghy, Kalocsay, Bulthuis, Luyken, Teo Jung, Forge, Privat, Raymond Schwartz kaj unu ĉapitro el la libro de Scherer: «Ĉirkaŭ la mondon kun la verda stelo». Gvidis la vesperon, ŝatata heroldo, Teo Jung.

Ankaŭ filmojn ni vidis. Unu pri la 24a kongreso, kiun prezentis S-ro Ravestein el Hago, kiu armita per fotografilo serĉis viktimojn por sia venonta filmo pri la 25-a kongreso. Estas por multaj kongresanoj plezuro (eble ankaŭ io alia) revidi sin en filmo, jen babilante kun ĉarma samideanino, jen diskutante kun aliaj pri la organiza problemo. Feliĉe ke la filmo ne trakuras la mondon, ĉar estus por iuj amikoj de la nepra alproksimiĝo inter popoloj iom ĝena, se ekzemple la « kara » kiu restis hejme, vidus la « karulon » en aminda kompanio. Miaparte mi sisteme evitis tiun Sinjoron el Hago. Oni neniam scias...

Alia filmo estis pri Stokholmo la urbo de la venonta kongreso, kiun la aktivaj svedoj pretigis por jam varbi al ĝi.

Ĝis nun niaj kongresoj ne sufiĉe atentis pri la ebleco propaganda en alia direkto. Tio estas, ke en industriaj landoj, vizito de fabrikejoj prezentas unikan okazon. En Köln, la kongresanoj havis la okazon viziti la faman fabrikejon de ĉokolado Stollwerck (kiu estas en Germanujo tio, kio estas en Francujo Menier kaj Cadbury en Britujo). Tie la samideanoj povis vidi la procedon komence de la kakao-grajno ĝis la preta ĉokolado kaj kiel memoraĵon ĉiu ricevis specimenon. Nebezone diri ke la nombro de vizitintoj estis granda. (Ĉu pro la ĉokoladspecimeno ricevita, mi ne scias ?) Alia vizito estis al la Carlswerk de la giganta entrepreno Felten & Guilleaume, Kablo-fabrikado.

Aproban partoprenon trovis la vizito al la flughaveno kun rondflugoj laŭplaĉe. Ni rimarkis inter la pilotoj altkreskan junan viron, la fraton de « Heroldo », de Teo Jung. La samideanoj, kiuj fidis je la gvida sperto de tiu ĉi piloto konservas belan memoraĵon de rondflugo super la urbo kaj la katedralo.

**Plezur-aranĝoj.**

Kolonjo estas la urbo de amuzado. Tion oni konsciu, legante la varian menuon da plezuroj, kiun preparis la amikoj en Kolonjo por ĝojigi la kongresanojn. Kvankam la tuta situacio neniel instigis je amuzado, ni kiuj partoprenis la kongreson, honeste konfesu, ke ni estis ne nur surprizitaj pri ĉio, sed ke ni ankaŭ fervore partoprenis. « *Rejnlanda Vespero* », « *Internacia Balo* », *Ekskurso perŝipe* », « *Surpriza ekskurso* », «*Kolonja vespero*», *k.t.p.* Nepovinte partopreni ĉion, estiminda kolego plenumis la taskon, rakonti al la legantoj de ESPERANTO pri tiuj aranĝoj.

**Finis la 25-a. Vivu la 26-a.**

*Alvenis de l'kongreso fin'*
*Ni dece enterigu ĝin*
*Laŭ Kolonjana gaja mor',*
*Kaj poste: Freŝe al labor'.*

Alproksimiĝas la fino. Pleniĝas iom post iom la granda kongres-salono, verdumita kaj florumita. Atmosfero de gajeco kaj de ĝojo. Disflugis jam la novaĵo pri la atingita interkonsento de la Naciaj Asocioj kun UEA kaj la fakto, ke UEA de nun estas *la* internacia organizo. Rimarkinde estis, ke tiun fojon la granda plimulto de la kongresanoj ĉeestis. Tute alia bildo ol kutime, kiam la kongreso fermiĝis antaŭ triono de la kongresanoj.

Estraro kompleta, t.e. kun la reprezentantoj de UEA. Bildo de harmonio kaj de konkordo. Kutimaj komunikoj kaj fine la diskonigo pri la atingita interkonsento. Impresa silento, sekvata de tondra aplaŭdo. Solena subskribado de la dokumento per la partoprenintoj en la diskutoj, do la ĉefaj naciaj Asocioj kaj de UEA.

La fino... estas la dankado al ĉiuj kiuj laboris por la bela festo de Esperanto ĉe la Rejno. Rimarkinde ankaŭ tie-ĉi vidiĝis la gajanimeco de la rejnlandanoj. Al la aro de amindaj samideaninoj kiuj simplanime kaj energie klopodegis, la prezidanto de la kongreso, S-ro Behrendt, esprimis la sinceran dankon de ĉiuj, danko akompanita de amikeca kiso, tasko tre kompreneme plenumita de la kongresa sekretario, samideano Wingen. Neniam ĝis nun en niaj kongresoj regis tia ĝojplena atmosfero, tia sincera gajeco, kiel en tiu ĉi ferma kunsido.

Laŭtradicie sekvis dankesprimoj de la eksterlandaj kongresanoj, el kiuj precipe estu rimarkata tiuj de la Francaj kaj Belgaj samideanoj. Kaj fine la invito al la 26a kongreso kiu okazos do en Stokholmo. Vivanta modelo de norda heroo

# Interkonsento de Kolonjo, 1933

La unuecigo de la Esperanto-Movado. Interkonsento de Kolonjo.

Universala Esperanto-Asocio, Konstanta Reprezentantaro de la landaj Esperanto-asocioj kaj Universala Esperantista Federacio interkonsentas pri la ĉi subaj aranĝoj:

I. Universala Esperanto-Asocio estas la tutmonda organizaĵo Esperantista, reprezentante la Esperanto-movadon kaj organizanta la universalajn kongresojn.

II. La landaj Esperanto-Asocioj aligas siajn membrojn al U.E.A., se ili plenumas la jenajn kondiĉojn:

1. posedi organizan formon (regularon, konsiston de komitato, k.c.), kiu vidigas klare, ke temas pri landa asocio neŭtrala.
2. havi minimume 100 membrojn.

Pri la akcepto decidas la Komitato.

III. La landaj Esperanto-Asocioj aligas siajn membrojn al U.E.A. laŭ la jenaj kondiĉoj:

1. ili pagas jarkotizon de Sv.fr. 0,50 por ĉiu el siaj regulaj membroj; ĉi-tiuj membroj estas simplaj membroj de UEA ili rajtas ricevi la internacian membrokarton kaj uzi la servojn de la delegitoj pri vojaĝhelpo kaj informpetado.

2. la landaj asocioj pagas aldonan kotizon por tiuj membroj, kiuj deziras ricevi la jarlibron aŭ la jarlibron kaj la gazeton de UEA; tiuj ĉi membroj estas nomataj membroj aktivaj. La landaj asocioj sindevigas varbi kiom eble plej multe da tiaj membroj.

IV. En landoj, kies asocio aligis siajn membrojn, oni aldonas al la kotizo el ĉiu kategorio proksimume 50% de la normala kotizo de la nuna membro kun jarlibro, por tiuj membroj, kiuj ne apartenus al la landa asocio. Tamen la ĝisnunaj membroj de UEA ne apartenantaj al la landa asocio povas resti membroj laŭ la ĝisnunaj kondiĉoj. ĝis fino de 1936.

V. La landaj asocioj prenas sur sin la administradon de la membroj en sia lando, laŭ la reguloj de la Centra Oficejo, kaj nomas ĉefdelegiton interkonsente kun UEA.

- 2 -

VI. La landa asocio nomas la lokajn delegitojn interkonsente kun la ĉefdelegito kaj komunikas la liston al la Centra Oficejo.

VII. La Internacia Komitato de UEA konsistas el:

a) Komitatanoj elektitaj de la landaj Asocioj aligintaj siajn membrojn;
b) Komitatanoj elektitaj de la lokaj delegitoj en la landoj, kies landa asocio ne jam aligis siajn membrojn kaj en la landoj, kie ne jam ekzistas landa asocio.
c) Komitatanoj elektitaj de la komitatanoj sub a) kaj b).

Ĉiu landa asocio kun minimume ducent ĝis mil membroj elektas unu komitatanon kaj plian por ĉiu komencita milo da membroj, por kiuj ĝi pagis kotizon por la pasinta jaro.

La lokaj delegitoj de la landoj, kies landa asocio ne jam aligis siajn membrojn aŭ kie tia asocio ne jam ekzistas, elektas grupe po unu komitatano por ĉiu kvincento aŭ komencita kvincento da membroj.

La komitatanoj sub a) kaj b) povas nomi komitatanojn sub c) ĝis la triono de sia propra nombro.

Ĉiuj komitatanoj havas samajn rajtojn kaj devojn.

VIII. La fakaj societoj, institucioj, k.t.p. povas sin enskribigi kiel partoprenantojn en la ĝenerala Esperanto-movado, kontraŭ fiksita pago.

IX. Okaze de ĉiu Universala Kongreso de Esperanto kunsidas "Konsilantaro de la Esperanto-Movado". Ĝi konsistas el: la komitatanoj de UEA, la reprezentantoj de la aligintaj landaj asocioj havantaj malpli ol 200 membrojn, la ĉefdelegitoj aŭ iliaj reprezentantoj, la honoraj membroj, la dumvivaj membroj, la patronoj kaj la reprezentantoj de la asocioj kaj institucioj registritaj kiel partoprenantoj en la ĝenerala Esperanto-Movado. Tiu Konsilantaro esploras la jarraportojn pri la stato de la movado, konsideras proponojn pri disvastigo kaj utiligo de la lingvo kaj priparolas programon de laboroj entreprenotaj. Ĝi decidas per plimulto de la ĉeestantoj

- 3 -

en formo de deziresprimoj, kiujn ĝi transdonas al la Komitato de UEA.

X. Post sia likvido ICK, KR kaj U.F.E. transdonas al UEA siajn havaĵojn kaj dokumentojn. La Komitato kaj Centra Estraro fiksos la novajn devojn de la ĝisnunaj direktoroj kaj oficistoj de ICK kaj de UEA.

XI. Necesaj ŝanĝoj en la regularo de UEA estos tuj farataj laŭ la ĉi-supraj aranĝoj. La nuna Komitato de UEA sendos la ŝanĝojn al la delegitoj por ke la voĉdono estu finita je la fino de Oktobro 1933.

XII. La landaj asocioj elektos siajn respektivajn komitatanojn antaŭ la 15-a de Oktobro 1933.

XIII. La neceso estos farata por ke la nova aranĝo ekfunkciu je la 1-a de Novembro 1933.

Kolonjo, la 4-an de Aŭgusto 1933.

samideano Einar Dahl, per forta voĉo alvokis veni al Stokholmo, kion la ĉeestintoj aplaŭde akceptis.

Eksonas la himno. Starante la kongreso kantis tiun ĉi deklaron de paca batalo por la idealo de intergenta kunlaboro pere de la genia kreajo de D-ro Zamenhof.

**Epilogo.**

Kiel revo glitas la bildoj antaŭ ni. Rejnvojaĝo, malfermo, plezurajoj, ekskursoj, gaja fino. Ĉio tio strange kontrastas kun la timoj kiujn havis ĉiu pri la evoluo de nia kongreso. La germanaj samideanoj ja faris ĉion por forigi la impresojn, kiujn ni havis pri la interna stato de la kongreslando. Ni ja ne atendis vidi terurajojn pri kiuj oni tiom parolis. La eksterlandaj kongresanoj havis okazon vidi mem. Ke regas « ordo kaj disciplino » nu, pri tio neniu dubis rilate je la klasika lando de tiuj ecoj. Ni ankaŭ ne malatentu, ke ekzistis certaj malfacilajoj, kio vidiĝis jam en tio, ke nia verda stelo ne estis vidata en la kongresurbo. Aŭdiĝis ankaŭ iuj plendetoj pri miskompreno rilate je nia insigno. Sed ĉion konsiderante ni devas diri, ke tiu ĉi kongreso montris harmonion kaj intereson, kiel ni ne kutimis dum la lastaj kongresoj. Ankaŭ la partopreno ĉe la kunvenoj estis pli ol ordinare granda.

Estis giganta tasko, organizi tiun ĉi kongreson kaj necesis havi nervojn el fero kaj ŝtalo. Al la deziroj de bojkoto, la respondecaj gvidantoj de nia movado respondis per glata « Ne ». Tio ne signifas, ke oni blinde malatentis ĉion, kio okazis en Germanujo. Sed nia movado estas neŭtrala kaj bezonas la apogon de registaroj. La senpolitikeco de nia movado estas *conditio sine qua non* por nia laboro. La opinio de la unuopa samideano ne estas tuŝata. Estas do feliĉa fakto konstati, ke ĉio pasis bone, eĉ tre bone kaj ke la dankoj esprimitaj al la organizintoj estis vere meritita]. Tiu ĉi danko ĉefe direktiĝis al la *Trio de la LKK*, al aminda Sinjorino Gernsbacher, al Sinjoro Wingen kaj al Sinjoro Kurth. Kiom da zorgoj, meditoj kaj pripensoj necesis, ne estas takseble.

Ni do ripetu tie la dankon de ĉiuj kiuj partoprenis la kongreson kaj ankaŭ de tiuj, kiuj ne povis veni. Ĉar ni konsciu, ke la vento tie ne blovis favore por nia ideo, kaj ke la okazigo de la kongreso estis kvazaŭ ŝtatpolitika ago.

Ne kompleta estus nia danko al tiuj kuraĝuloj, ne menciante la anojn (konsilantojn) de la L.K.K. Ĉiu estis je sia posteno, aplikante la regulon de la tiom ŝatata disciplino.

Koran dankon al ili : Gesinjoroj Berger, S-ro Brakel, F-ino Cahen, F-ino Fuchs, D-ro Heinen, S-ro Henrichs, S-ro August Junker, S-ro Kreitz, F-ino Mielau, Ges-roj Odenthal, S-ro Rausch, S-roj Schneider, S-ro Schumacher kaj S-ro Stark.

Pri la tuta organizo de la kongreso oni povas diri, ke ĝi estis modela. Komence de la « Kongres-saketo » kun la dokumentoj ĝis la precizeco en la detaloj de la programo, ĉio estis bonega. Specialan dankon oni ŝuldas al la poŝtestro, samideano Thoma, kiu en komprenema maniero pensis al la laborantoj malantaŭ la kulisoj, elserĉis la alvenintajn poŝtajojn kaj portigis al la adresatoj. Eksterordinara servemo kaj komplezo, kio multe utilis.

Mankas tamen iu, al kiu necesas esprimi apartan dankon. Estas al Teo Jung, la « heroldo », kiu per konsiloj kaj efika helpo, ne laste per la gazeto « Heroldo de Esperanto » kunhelpis nevidite. La esperantistan devon ĉiuj plenumis kaj tion ni rekonu. Kaj laste : La 25a finis, vivu la 26-a kongreso.

(G. Agricola).

# Por la XXV-a.

de Julio Baghi.

*Salut-poemo deklamita de F-ino* Marianne Schneider.

**« Sur la kampo, for de l' mondo »**
*sonĝon vidis knabo juna...*
*Pri l'homaro, pri l'estonto*
*lin inspiris revo suna*
*kaj ekĝermis la — Ideo...*
*Li ne dubis, nur esperis,*
*nepensante pri l' pereo*
*sian vivon li oferis...*

**« Ho, mia kor', ne batu maltrankvile, »**
*li ĝemis tamen en decida hor'*
*sed poste ĉion donis li humile*
*el sia kor'...*

**« En la mondon venis nova sento, »**
*eĥon vekis korojn ĝi enspiris*
*kaj inunde kreskis la torento;*
*ĝiaj ondoj milojn al si tiris...*

**« Tra densa mallumo briletas la celo, »**
*sed ĝin la unuaj jam vidis,*
*per nobla laboro por Bono kaj Belo*
*la Vojon preparis kaj fidis*
*kaj ili ekplugis kaj semis sen laco;*
*miraklojn produktis la humo de l'Paco.*
*Ho vi, pioniroj, mokitaj de miloj,*
*nun estu benataj de l'filoj.*

**« Forte ni staru, fratoj amataj, »**
*por vigle gardi la flamon !*
*Nur Harmoni' kaj Fido vartataj*
*venkigos fine la Amon...*

**« Al Vi, ho potenca senkorpa mistero, »**
*en nuna momento solena*
*la koroj sin turnas por Paco sur Tero*
*por Via fervoro gracplena:*
*en luktoj, tempestoj de l' Vivo nin gardu,*
*ne la erarojn, la senton rigardu*
*kaj tenu nin firmaj kaj noblaj en Bono*
*por venko de l'Homo.*

## La Foira Turo

kie en ĉambro 3 (sepa etaĝo) okazis la kunsidoj, kiuj kondukis al la « Interkonsento de Kolonjo.»



Festkunsido de UEA. Estrartablo. De dekstre: Ed. Stettler, prezidanto. J. Karsch, vicprez.; Hans Jakob, dir.






La tuta kongresanaro partoprenas la Festkunsidon de UEA.

S-ro J. Karsch, vicprez. de UEA voĉlegas la nomojn de la novaj Honoraj Membroj.



# La kongreso de UEA

*Jubileo de UEA.* — La signo de l' tago, kiu dank' al la kompreno de la LKK restis tute je dispono de la jubileanta asocio. Ke ĝi trovis ankaŭ la atenton de la kongresanaro, pruviĝis en preskaŭ senresta partopreno de ĉiuj kongresanoj en la tri aranĝoj : festkunsido, laborkunveno, ĝardenfesto.

La multnombran partoprenon citis kun ĝojo kaj danko en siaj salutvortoj la honora kaj aktiva prezidanto de UEA, Ed. Stettler el Bern, en la festa kunsido, kaj li konkludis el ĝi prave la fidon al la festanta Asocio. Li ligis al tio la dankon al la LKK de Köln, kiu zorgis por la inda ejo de la kunsido. La granda kongressalono, kiu cetere per plantoj, Esperanto-flagoj kaj granda UEA-stelo el verdaĵo kaj floroj estis plaĉe ornamita, donis belan kadron por la festa horo.

Sekvis elkoraj salutoj al UEA flanke de LKK per ties nelacigebla Prezidantino S-ino M. Gernsbacher, flanke de la 25a Universala Kongreso per S-ro Poŝtkonsilisto Behrendt el Berlin kaj flanke de la Internacia Centra Komitato per ties anstataŭanta Prezidanto, D-ro Vogt el Stuttgart. Ĉiuj parolantoj akcentis, ke estas devo de la Esperantistaro, rekoni okaze de la jubilea tago la grandan valoron, kiun havis kaj havas la UEA por nia movado, kaj ili deziris samtempe, ke la plivastigita UEA en la plua vivo de Esperanto estu la efike laboranta unika organizaĵo de nia movado.

Post danko de la Prezidanto al la parolintoj la vicprezidanto de UEA, Johannes Karsch el Dresden, konatigis longan serion de saluttelegramoj kaj leteroj, kaj donis la parolon al S-ro Stettler por la festparolado.

**Parolado de s-ro Ed. Stettler, prezidanto de UEA**

Tre estimataj honoraj gastoj,

Karaj Samideanoj

Kun granda emocio mi staras antaŭ vi, dankante al la sorto kiu ebligas al ni festi la 25an jubileon de nia kara Universala Esperanto-Asocio. Por societo kiu volas alporti novan senton al la mondo, kiu volas krei interkomprenon inter la homoj ne sin komprenantaj, pacigi la malpacemulojn kaj eduki ilin al la ideo de homa solidareco, por tia celado nuraj 25 jaroj estas spaco tre mallonga. Ni konsciu, ke ne duona homa vivo, sed la penado de pluraj generacioj estos necesa por la plenumo de la giganta tasko al ni Esperantistoj de la Majstro postlasita. Tamen, ĝuste pro la longeco de la irota vojo decas, ke je regulaj interspacoj ni haltu momenton, refreŝigu nian animon per rerigardo al la farita laboro, kaj fiksu celpunktojn por la estonto. Plie, se ni memoras la germanan proverbon : *Kriegsjahre zählen doppelt, Militjaroj nombras duoble*, tiam UEA havus preskaŭ 50 jarojn. Tiel ĝi kvazaŭ aspektas el la vidpunkto de kunlaborantoj aliĝintaj kiel junuloj al nia Asocio, kaj kies haroj griziĝis en la daŭra penado kaj zorgado por ĝiaj administro aŭ servoj. Ili meritas ke hodiaŭ ni danke memoru je ili, respektante ilian deziron altiri junajn fortojn al la movado, por ke kun freŝa kuraĝo, kun entuziasmiga vigleco nia kara UEA eniru la duan periodon de sia ekzisto.

Estis ideo tre simpla kiun la fondintoj de UEA, S-roj Hodler, Rousseau, Bolingbroke Mudie kaj Carles metis en 1908 antaŭ la esperanta publiko. « Plifaciligi la ĉiuspecajn rilatojn inter diverslingvanoj, kaj krei inter ili fortikan ligilon de solidareco ». Tute koncize oni eĉ povas diri : « servi per la lingvo Esperanto al la idealo Esperanta. » Per multaj ekzemploj S-ro Hodler montris kiom malmulte utilas, instrui Esperanton kaj promesi kiajn miraklojn povus efiki nia lingvo, se ni mem nek scias profiti ĝin, nek kreas aranĝojn por ĝia uzado. Se junulo volas vojaĝi alilanden, se komercisto deziras trovi pere de Esperanto varojn aŭ aĉetantojn, se sciencisto bezonas informojn aŭ iu ajn serĉas korespondantojn pri certa temo, al kiu li devas sin turni ? La landaj societoj kun siaj instruado kaj propagando jam havas sufiĉan nacian laboron, ili ne publikigas listojn de siaj membroj (la aĉeto de tiuj listoj estus cetere tro multekosta), plie oni ne scius kiuj el tiuj membroj estas servopretaj kaj kapablaj. Plie, en landoj sen nacia societo eĉ tia sistemo ne funkcius. Kun logika neceso altrudiĝis do la propono krei apartan societon, absolute internacian kaj sendependan de politikaj, religiaj aŭ rasaj influoj, societo konsistanta el *oferemaj* personoj por ebligi servojn, kaj el *laboremuloj* pretaj ilin fari.

El ĉiuj landoj venis laŭdoj kaj aliĝoj, tiel ke jam en somero 1908, dum la kongreso en Dresdeno UEA nombris 1223 membrojn, aŭ, laŭ la tiam uzita esprimo : Esperantianojn. Rapide ĝi kreskis al 8841 membroj en 1912, kaj eniris la mondmilitan epokon kun 7233. La tiama perdo de 1600 membroj estas simpla sekvo de pli alta kotizo : UEA postulis komence tutajn 60 centimojn aŭ 50 Pfenigojn kaj kompreneble tuj deficitis. Baldaŭ oni provis kun Fr. 1.25, kaj 1913 oni duobligis : postulante 2.50 Fr. Mi aldonu ke en 1920 ni fiksis la normalan kotizon al 5— Fr. kiu restis senŝanĝa plenajn 13 jarojn ĝis la hodiaŭa tago. Malgraŭ tiu prezo, kvaroble pli alta ol en 1912, UEA atingis, eĉ superis dum la pasintaj jaroj ciferon de 8-9000 membroj. Sen la mondkrizo ĝi estus certe atinginta la necesan minimumon de 10,000 membroj, kaj kun ili sian financan egalpezon.

Sed ni revenu al la heroa, antaŭmilita epoko. Junaj, kiel tiam ni estis, ni kredis ke forta puŝo de kelkaj jaroj alportos la venkon de Esperanto, ni kredis al la interŝtata solidareco, ni kredis al la venonta paco eterna, ni kredis — kaj estis seniluziigitaj. Tamen vi, nunaj junuloj kiuj sidas meze inter ni, ne moku pri nia kredo tiama, kredo kiu nin kuraĝigis al granda, utila entrepreno, ne entreprenita se ni estus sciintaj antaŭe la ŝarĝojn kaj zorgojn venontajn. Vi Junuloj, kredu ankaŭ ! Kredu al la bono en la homa animo, kredu al pli feliĉa estonteco, kredu al la interna povo de l'Esperantismo, kredante vi laboros por ĝi, kaj laborante vi ĝin efektivigos.

Funkciigi la nove fonditan UEA, elekti Delegitojn kaj ilin instrui, eldoni gazeton ĉiudusemajnan, enkasigi kotizojn tro malgrandajn kaj ŝtopi kastruojn ĉiam pli grandajn— tiujn troajn okupojn ne povis majstri amiko Hodler kaj liaj kunlaborantoj. Al la klara konscio pri la celo ne respondis same klara kompreno de la uzotaj rimedoj, al la bona volo mankis la sperto pri administro kaj librotenado. Plie ŝajnas esti natura leĝo ke ĝuste la komencantoj laboras plej komplike, ke ilia entuziasmo ilin puŝas fari tro multe samtempe. Estas mirinde kiom da fakoj, aranĝoj k.t.p. ekfloris tiam el la oficejo de juna UEA, sed samtempe ankaŭ amasiĝis la protestleteroj pri nerespondo aŭ eraroj, kaj kreskis altgrade la zorgoj pri la financa ekzistpovo de la tro rapide kreskinta entrepreno. Por ŝpari oni daŭrigis tro longe la

dungadon de oficistoj eble plej malmultekostaj, kiuj liveris koncernan laboron — aŭ forkuris kun la mono, kiel tio okazis kun unu el la komencaj kasistoj. Estis penplenaj jaroj de mi ne forgeseblaj, kaj tamen jaroj de ĝojo dum akra laboro, ĉar iom post iom klariĝis la ĉielo; ni lernis administri pli lerte kaj trovis taŭgajn helpantojn. En 1912 okazis la tiel nomita Financa Reformo, kun plialtigo de la kotizo kaj la kreo de la Garantia Kapitalo, kiu, post pago de 5.000 Fr. da ŝuldoj, donis al ni netan havaĵon de 10.000 Fr. Ni kredis nin riĉegaj! Alia bonŝanco alkondukis en 1913 al Ĝenevo modestan, sveltan junulon, la tiaman Delegiton de Heidelberg, kun la nomo: *Hans Jakob.* Kian bonaĵon ni akiris en tiu persono, bonaĵo pli fidinda ol ĉiu oro en la mondo, tiun ĉiu scias kiu havas la plezuron koni nian nunan, meritplenan Direktoron.

1908-1914, la 6 solaj jaroj de nia Asocio dum normalaj cirkonstancoj. Ĝuste ili sufiĉis por ĝin fondi, fari la komencajn eksperimentojn kaj ĝin tiel refortigi ke esperplene ĝi rajtis rigardi la estonton. Mi ne trograndigas dirante, ke kun pliaj 6 jaroj de trankvila evoluo, UEA estus nuntempe unu el la plej konataj kaj respektataj Asocioj de l'mondo.

Sed la sorto alie decidis. Mi ne renovigu al vi, karaj aŭdantoj, la terurajn dolorojn de la militjaroj, nek provu pentri la mizeron de la postmilita epoko, kiu ja estas, laŭ fama diro, plia milito de ĉiuj kontraŭ ĉiuj kun tiel nomitaj pacaj rimedoj. Krom suferado pro tiuj eksteraj cirkonstancoj UEA estis ankoraŭ frapita per la neriparebla perdo de nia majstro, Ludoviko Zamenhof, en 1917, kaj de siaj fondintoj kaj gvidantoj: S-ro Mudie el Londono kaj S-ro Rousseau, el Dijon, ambaŭ falintaj por la patrujo, kaj S-ro Hodler mortinta je tuberkulozo la 30an de Marto 1920, en sia 33a vivjaro.

Dum la milito montriĝis la granda utilo, ke UEA havas sian sidejon en neŭtrala Svislando. Uzante sian favoran lokiĝon, nia Asocio aranĝis grandstilan helpon al militsuferantoj; ĝi forsendis donacpakaĵojn, peradis inter 50 kaj 100 mil leterojn, serĉadis malaperintojn, k.t.p. Escepte mallonga interrompo ĝi presigis regule la gazeton « Esperanto », kaj kiel neŭtrala centro esperantista ĝi kuntenis la movadon, laŭeble rilatigante kaj kuraĝigante la Samideanojn. Por la movado estis feliĉo en la malfeliĉo, ke flanke de la naciaj societoj ekzistis Asocio absolute sendependa. Se nun oni volas reorganizi niajn instituciojn, oni memoru la servojn de UEA tiam faritajn, atentante ke UEA restu la fortikaĵo esperantista, kontraŭ kiu estu senpovaj ĉiuj influoj ne-esperantistaj de kie ajn ili venas!

De 1920 ĝis nun nia Asocio reprenis kaj plivastigis sian agadon. Kun kontento ni konstatu, ke la morala bazo de la Esperanto-movado montriĝis sana, tiel ke ni povis tuj rekonstrui sur la antaŭa fundamento. Kun la revenanta konfido al la esperanta ideo revenis la intereso kaj la membroj sed — ne revenis la mono. Pli precize dirite: la enspezoj tireblaj el la militsuferintaj landoj ne sufiĉis egaligi la administrajn kostojn laŭ postmilitaj prezoj. La belega sumo, al ni de S-ro Hodler postlasita, feliĉe helpis por la unuaj, plej multekostaj jaroj, sed daŭra forpreno el kapitalo ĝin ruinigus, plie parto el ĝi estas endanĝerigata per nepagado aŭ monmalvalorigo de ŝtatoj kiujn oni opiniis esti plej seriozaj ŝuldantoj. En 1913 ni kredis nin monhavaj, kaj venis la milito, en 1920 ni estis relative riĉaj, kaj la postmilito forte malpliigis nian havaĵon. La skizo ĉi tie farita de UEA ne estus sincera, se mi forlasus en ĝi tiun ombron. Ni tamen havas ankoraŭ rezervon, laŭ valoro dependa de la ekonomia situacio, kiu laŭ mia opinio sufiĉos sub trankvilaj laborcirkonstancoj.

Ĉu nia Asocio valoras la honorpostenon kiel internacia gvidanto, kaj la oferojn postulitajn? Malgraŭ la zorgoj ĉi tie aluditaj ĝi prezentiĝas antaŭ vi kun 8600 membroj je la jarfino 1932, inter kiuj 20 Honoraj Membroj, 201 Dumvivaj Membroj, 547 Membroj-Subtenantoj, kaj 2400 Delegitoj ĝin reprezentantaj en 2000 lokoj. La nova statuto de 1920 ebligis la kreadon de Teritorioj, nur dank'al la granda laboro kaj administra kapablo de niaj Ĉefdelegitoj, UEA povas kunteni la vastan organizon per unu Direktoro kaj tutaj 3-4 oficistoj en Ĝenevo. UEA eldonas ŝatatan revuon sub la lerta gvidado de nia amiko D-ro Privat, ĝi publikigas jarlibrojn kiuj honorigas tiom la movadon kiel ilian senlacan verkanton, Direktoron Jakob. Ĝi presigas gvidfoliojn kaj propagandilojn, eldonas respondkuponojn, ĝi faras amason nekontroleblan da servoj pere de la Delegitoj, aranĝis flanke de ili kelkajn servojn specialajn, kaj disdonis dum la pasintaj jaroj en formo de premioj ne malpli ol 80.000 librojn kaj broŝurojn esperantistajn. Ĉio tio, kun 5-7 salajritaj personoj, kun laborelspezo de proksimume 25.000 Fr. kiujn per plia tiro de la zono, ni eĉ reduktis al 20,800 Fr.

Sufiĉe da ciferoj, ili ja ne povas esprimi la ne-mezureblan kvanton da laboro senpaga, nek doni al vi bildon de la sinofero necesa al tiaj rezultoj.

Devinte ĉion rekonstrui post la milito, kaj sub tre malfacilaj cirkonstancoj, UEA prezentas sin hodiaŭ al vi je sia 25a naskiĝtago. Ĝi neplu estas infano, ankaŭ ne bela junulino. Mi imagas ĝin kiel forta homo klarvida, kun kelkaj zorgosulkoj en la vizaĝo kaj muskolaj, haraj brakoj. Li diras: « *Mi faris mian devon. Juĝu mem.* »

Permesu ke hodiaŭ mi ĝoju kun vi, el plena koro, ke en la nomo de UEA mi esprimu plej profunde sentitan dankon al ĉiuj kunlaborantoj, al la ĉi-tieaj kiel al la malproksimaj kiuj en pensoj festas kun ni. Dankon al la Komitatanoj por la akcepto de respondeco malfacila; dankon al Direktoro, Redaktoro, la estintaj kaj nunaj oficistoj; dankon al la Ĉefdelegitoj kaj Delegitoj por ilia penado; dankon al la dumvivaj kaj subtenantaj membroj por ilia oferemo; dankon al ĉiuj membroj kiuj propagandis kaj regule pagis por sia asocio, por ke ĝi vivu kaj floru. Estas mia plej intima deziro, ke ĉiu ĉeestanto eksentu hodiaŭ la feliĉigan povon de la spirito esperantista, ke por lia tuta vivo li promesu al si: *Mi restos fidela al la movado, kaj al ĝia internacia reprezentanto: la UEA!*

Skizinte la eksteran evoluon de nia Asocio, mi deziras aldoni kelkajn vortojn pri ĝia spirito. Por ni Esperanto ne estas sole lingvo kiu mirinde faciligas internaciajn rilatojn. Se ĝi estus nura esprimilo de iaj pensoj, tiam ni ne havus kaŭzon entuziasmiĝi pri ĝi, same kiel oni ne entuziasmiĝas pri skribmaŝino aŭ radioaparato. Ankaŭ ne valorus ĝin propagandi per monoferoj, ĉar ni povus trankvile atendi ĉu la ebla klientaro ĝin ŝatas aŭ ne. Se do nek filologia obstineco, nek monintereso nin puŝas, tiam devas esti la certeco ke pere de la radikoj kaj reguloj kiuj formas la lingvon ni disvastigas ion ajn kio nin feliĉigas kaj povos feliĉigi la aliajn. Tiu morala forto en nia movado estas la konvinko ke ĉiuj homoj devas formi unu grandan familion, kaj ke en la lingvo Esperanto ni havas la mirindan instrumenton en la mano krei iom post iom tiun familian spiriton. Nia agado estas pure morala. Lasante la starigon de politikaj aŭ ekonomiaj planoj al la kompetentuloj ni volas esti simplaj pioniroj, ni forpuŝas la barojn de intergenta malamo por prepari pli bonan estonton. Tiu laboro internacia, en la plej

bona senco de l'vorto, neniel kontraŭstaras la fidelan plenumon de la devoj kiujn ĉiu ŝuldas al sia gento. Rilate ili valoru la bela vorto de nia svisa poeto Gottfried Keller: *Ĉies patrolandon respektu, sed la vian: Vi amu!*

Se kiel Samideanoj ni volas eduki la homojn al pli larĝa mondkompreno, tiam ni ankaŭ estu larĝanimaj inter ni mem. Vi ĉiuj scias, ke entute ni Esperantistoj estis organizitaj laŭ du principoj: la teritoria, reprezentata de la naciaj societoj, kaj la internacia, nia UEA. Tiu dueco respondas al, laŭ mia opinio, tute sana koncepto pri la diverseco de la ambaŭflankaj taskoj. Tamen kio praviĝas teorie, tio ne ĉiam funkcias perfekte en la praktiko. La naciaj societoj, fonditaj por propagandi lingvon internacian, sentis neceson, iom semi sur la internacia laborkampo, kaj nia UEA puŝis okaze tiom fortajn radikojn flanke de la naciaj ĝardenoj, ke la ĝardenistoj plendis, ke nia kreskaĵo difektas iliajn florojn zorge flegitajn. Ambaŭ kulturantoj kolektis la monon por sia laboro ĉe la samaj personoj, la Esperantistaro. En la bonaj antaŭaj tempoj la duobla oferado ne estis forte sentita, sed la postmilitaj monujoj malplidikaj kaj pli sentemaj ekĝemis sub tiu operacio. Tamen diversaj provoj faritaj de UEA kiel de la naciaj societoj tamen ne trovis reciprokan aprobon pro diverseco de opinioj pri la plej bona rimedo. Mi ne skizas al vi la sufiĉe dolorigan vojon de tiu treege malfacila problemo; sufiĉu, konstati ke antaŭ kelkaj monatoj reprezentantoj de la movado subskribis planon, kion ili opiniis bona diskutbazo por pliaj traktadoj. Ĉi tiuj traktadoj okazas nuntempe en Kolonjo. Ili komencis per granda fulmotondro sur la senkulpajn kapojn de la UEA-reprezentantoj, tamen mi konstatas kun granda plezuro, ke el la senĝena diskutado rezultis ĉiam pli bona interkompreno. Estis vere feliĉigaj momentoj en ĝi, kiam mi sentis, kiel ĉiu el la ĉeestantoj koncentris sian tutan spiritan forton, por trovi la plej taŭgan, plej praktikan solvon de iu speciala problemo.

La situacio de nia Komitato estis tre malfacila, novorganizo ja nur povas fariĝi en la kadro de UEA. Sed tiu kadro devis esti plivastigata, por trovi lokon al la novaj bezonoj. Mezuru vi mem, kiom malfacile estis, prijuĝi, kiuj ŝanĝoj estas necesaj por bona adapto, kaj kiuj aranĝoj nepre devas esti konservataj, por ke la tuto forte kuntenu kaj funkciu. Prudenta, kiel estis nia Komitato, ĝi altiris al si la riproĉojn de troa konservemo, kaj kiam ni montros la finan verkon, ni devas atendi la kontraŭan kritikon de niaj membroj; *ke ni estis tro cedemaj.*

La tuta verko ne estas tute finita kaj estus kontraŭ mia naturo, ion laŭdi antaŭe. Postan laŭdon ĝi ankaŭ ne bezonas, ĝi laŭdos sin mem per siaj rezultoj. UEA ne estos ŝanĝata en siaj principoj, sed ĝi malfermas siajn pordojn vaste al la naciaj societoj, kiuj estas pretaj, aligi siajn membrojn kaj ĝuas per tio certajn rajtojn. Tiam UEA fariĝas *la* internacia organizo esperantista, en kiu partoprenas la diversaj elementoj de nia agado: membroj, asocioj, institucioj, fakaj societoj ktp. — ĉiu laŭ sia graveco kaj oferemo.

Tiu UEA *ne* estu nova UEA, sed simple *la UEA plivastigita.* Esperante al la finsukceso de niaj klopodoj, mi jam nun amike kaj sincere salutas la aliĝontajn societojn. Kun danko konstatante ilian pretecon, havigi al UEA sian sperton kaj senrezervan subtenon, mi esperas, ke nia penplena laboro alportos plenan pacon inter niaj vicoj kaj grandan progreson de la movado. Ni unuiĝu en la deziro, ke la nova vivepoko de nia kara UEA estu feliĉa kaj prospera!

---

Riĉa aplaŭdo dankis al tiuj vortoj, dankis al la parolinto ankaŭ la VP Karsch, kiu nun siaflanke ekparolis pri la devo de Asocio jubileanta, honori tiujn, kiuj meritas honoron. UEA ĉiam estis ŝparema rilate al tiaj honorigoj; ĝisnunaj honoraj membroj ekzistas 33 en la tuta mondo. La 25jara ekzisto rajtigas al pli vasta apliko de tiu ebleco kaj la Komitato decidis, doni la titolon de

## Honora Membro al jenaj samideanoj:

**D-ro Heinrich Arnhold, Dresden.**
**S-ro André Baudet, Paris.**
**S-ro Charles H. Briggs, Minneapolis.**
**S-ro Oscar Bünemann, Hamburg.**
**S-ro Andreo Cseh, 's Gravenhage.**
**Prof. Christaller, Stuttgart.**
**S-ro Th. Čejka, Bystrice Hostynem.**
**S-ro Emile Gasse, Le Havre.**
**F-ino Gabrielle Gérard, Paris.**
**S-ro F.-A. Goodliffe, Horsham.**
**S-ro Paul Gottgetreu, Hannover.**
**S-ro Albert E. Hepton, Hull.**
**S-ro Henry W. Hetzel, Philadelphia.**
**S-ro F. W. Hipsley, Wolverhamton.**
**S-ro W. H. Hirst, Huddersfield.**
**S-ro Rud. Hromada, Praha.**
**S-ino Julia Isbrücker, 's Gravenhage.**
**S-ro J. R. G. Isbrücker, 's Gravenhage.**
**S-ro Joh. Karsch, Dresden.**
**S-ro Herm. Kürsteiner, Sankt Gallen.**
**S-ino M. Magnus-Focké, Orléans.**
**S-ro Auguste Martin, Mâcon.**
**D-ro Heinrich Orthal, Nürnberg.**
**S-ro William M. Page, Edinburgh.**
**S-ro Donald E. Parrish, Buffalo.**
**S-ino Marthe Petit, Dijon.**
**D-ro Augustin Pitlik, Praha.**
**S-ro Augustin Ploussu, Grenoble.**
**S-ro Vilho Setälä, Helsinki.**
**S-ro O. Sklenčka, Hradec Kralové.**
**F-ino Julia Šupichová, Praha.**
**D-ro Anakreon Stamatiadis, Ateno.**
**Reg. Rat Hugo Steiner, Wien.**
**S-ro Hans Tressel, München.**
**D-ro Eugen Wüster, Wieselburg N.O.**

Ne eblas, diris la parolanto, ornami per tiu titolo ĉiujn, kiuj faris fidele siajn taskojn. Devis okazi severa ekzameno tre delikata — se UEA ne nomis iun, kiu meritus la honoron ankaŭ, tio estu pardonata kaj povas esti farata en estontaj jaroj. Al ĉiuj dankon, ĉu sen, ĉu kun titolo, dediĉas en tiu tago UEA!

La Direktoro de UEA, donis klarigojn pri la specialaj meritoj de kelkaj el la novaj honoraj membroj — ĉe multaj el ili montriĝis la simpatio de la Samideanoj en spontanea aplaŭdo, kio pruvis, ke la Komitato de UEA ĝuste elektis. Al la malmultaj ĉe-estantaj honoraj membroj estis transdonataj la leteroj kun la informo; ĉe tiu okazo ili estis persone ovaciitaj elkore.

Poste la VP Karsch menciis, ke el la komisiono de UEA du amikoj festas samtempe kun la Asocio mem sian 25jaran membrecon ĉe la Komitato. S-ro Paul Blaise el Londono kaj S-ro Fritz Rockmann el Magdeburg. Rekonante ilian fidelecon kaj ĉiaman laborpretecon, UEA dediĉis al ambaŭ belajn aktujojn kun dediĉo, dezirante, ke ili estu ne nur plenaj de laboroj por UEA, sed ankaŭ plenaj je ĝojo pri tiu laboro. La Direktoro de UEA, S-ro Hans Jakob, estis honorigata por sia pli ol 20jara laboro ĉe la Asocio, por sia ideoriĉa kaj penplena gvidado de la Centra Oficejo dum tiom longa tempo kaj sub ofte tre malfacilaj cirkonstancoj per kora danko kaj dediĉo de la sesvoluma enciklopedio « La-

*rousse du vingtième siècle».* Same S-ro Blaise kiel S-ro Jakob dankis ĝojigite por la honorigo kaj dediĉo, S-ro Blaise samtempe por la neĉeestanta s-ro Rockmann.

La VP Karsch esprimis bedaŭron, ke UEA ne plu havas por doni honoron al sia plej fidela amiko, al S-ro Ed. Stettler, jam honora Prezidanto. Tamen la Komitato, la ĉefdelegitaro kaj aliaj kunlaborantoj decidis, propraflanke dediĉi honordonacon al S-ro Stettler en arta formo kaj el nobla metalo: plakedon, kiu montras lin mem kun konstato de liaj meritoj. Antaŭ ĝia transdono, S-ro Karsch petis, ke S-ro Telling el Rotterdam legu poemon, kiun verkis dankinde nia poeto K. Kalocsay en Budapest pri

**La Kapitan' el Berno**

*Hoj he! la mar' tempestas!*
*Danĝeraj ondoj krestas*
*kaj frapas sur la ripo*
*de la malgranda ŝipo*
*kaj ĝin kolere skuas;*
*la velojn vento truas;*
*mevoj eligas veon,*
*anoncas la pereon.*
*L'animojn ĝis radiko*
*ekregas jam paniko:*
*«Rifuĝi! Al boato!*
*Tuj venos lasta bato!»*
*Sed en la venta bleko*
*jen staras sur ferdeko*
*en sia gvida loko,*
*pli firme ol la roko,*
*kun firme certa mano*
*la kapitano.*

*Kaj ju pli letargie*
*l'espero ĉie svenas,*
*jen des pli energie*
*li direktilon tenas.*
*Kaj inter akraj rokoj,*
*kiujn ŝaŭmpolvo kovras,*
*tra l'plej danĝeraj lokoj*
*trankvile li manovras:*
*kaj kiam rif' minaca*
*jam ŝajnas ŝipon splili,*
*li, kun lerteg' sagaca,*
*sukcesas ĝin eviti!*

*Kaj ĉi trankvilo fera,*
*persisto bonespera*
*kaj celkonscia gvido*
*plenigas nun per fido*
*la korojn. La ŝipanoj*
*postenojn siajn prenas,*
*kaj per fervoraj manoj*
*laboras, luktas, penas,*
*kaj, jen, la ŝipo — flugas,*
*triumfe ondojn jugas!*
*Se iom eĉ ŝirite,*
*ĝi kuras, kuras, spite*
*al ĉiu uragano*
*al la haven' — merite*
*de l'kapitano.*

*Ŝipanoj! Pro la gvido,*
*pro l' peno kaj sindono,*
*pro l' enverŝita fido,*
*konsilo kaj admono,*
*pro l'firma kaj trankvila*
*manteno direktila*
*en la koler' tempesta:*
*ni danku nun tutkore*
*al kapitan' modesta!*

*Ni danku, ŝipanaro,*
*pro la kvaroncentjaro,*
*dum kiu vane vipis*
*la ventoj: li plu ŝipis:*
*amanto de libera*
*maro kaj moro: vera*
*gvidisto, klara, klera,*
*kaj modestmaniera,*
*sed firma kaj sentima,*
*egalanima*
*en ĉiu sort-alterno:*
*la kapitan' el Berno!*

Tondra aplaŭdo sekvis tiun poemon, kiu esprimis tion elokvente, kion ni ĉiuj scias pri nia gvidanto kaj kion ni dankas al li. F-ino Niermann, ĉarma filino de Rejnlando, nun transdonis la arĝentan plakedon al la honorigata, dirante ke

*Por dudekkvinjara laboro*
*per koro, lerteco, fervoro*
*Ni dankas al kunlaboranto*
*amiko kaj gvidanto.*

Ree longdaŭra aplaŭdo, kiu celis same la ricevinton kiel la transdonintinon. S-ro Stettler en konciza formo, kore kaj korojn tuŝante esprimis sian dankon kaj la esperon, ke li povu ankoraŭ kelkajn jarojn labori por nia Asocio kaj ke trovu sin ĉiam la necesaj kunlaborantoj, junaj fortoj, same pretaj kiel ĉiuj ĝisnunaj helpantoj por la servo al la movado por la servo al UEA.

Post dankparolado de S-ro Blaise por pruvita fideleco de ĉiuj amikoj de UEA, Kanto de la «Espero» finigis la solenajon, je kies memoro ĉiu ĉeestinto ricevis folion plaĉe presitan kun la teksto de «La Kapitano el Berno». La plakedo, *majstra* verko de la skulptisto Georg Tŭrke kaj la firmo Glaser & Sohn, en Dresden, estis multe admirata de la preterpasantaj Samideanoj.




Malgrandigita reproduktaĵo de la plakedo.

En la laborkunveno de UEA je la 17a horo, kuniĝis ree multnombra ĉeestantaro. Post malfermo flanke de la Prezidanto, la VP S-ro Karsch resumis la raporton de la Direktoro pri la agadjaro 1931-32, konstatante, ke ĝi komencis tre dube, ke necesiĝis helpokrio al la Esperantistaro. Pruviĝis la kompreno de la Zamenhofanoj en tio, ke la jaro finiĝis kun rezultato sufiĉe kontentiga. La direktoro donis ankoraŭ kelkajn klarigojn pri la ciferoj de la raporto kaj montris la konsekvencojn, kiujn havis kaj havas por la mastrumado de UEA la malbonaj ekonomiaj cirkonstancoj en ĉiuj landoj, la kurzfalo ktp. Ĉe la fino de siaj klarigoj li citis la multajn, ĉiam pli multajn mortintojn de UEA kaj honorigis ilian memoron. La kunvenintaro je honoro de la mortintoj leviĝis. — Je la demando de la Prezidanto, ĉu estas plendoj kaj kritikoj pri la funkciado, agadmaniero aŭ principa aranĝo de iaj aferoj en UEA, *neniu parolis* — ni scias, diris S-ro Stettler, ke tiaj nepre estas, kaj ŝatus ilin scii por ŝanĝi la neceson. Se neniu ĉi tie kuraĝas esprimi ilin, skribu al ni, sed ne

grumblu kaj semu inter la Samideanoj malfidon kaj malkontenton. Sekvis serio de plej diversaj demandoj kaj sugestoj: pri ebligo de noveldono de la romanoj « Kastelo de Prelongo » kaj « Ĉu li ? » de D-ro Vallienne, pri frupaga premio en formo de kelkmonata abono al « Esperanto », pri interŝanĝo de libertempuloj, stacidoma misio, kursoj sur transoceanaj ŝipoj, fakadresaroj kun E-partoj, eldono de la jarlibro en ĉiu dua jaro kun nomaro de la Membro-Abonantoj, pri la skribo de landnomoj ktp., ktp. — flanke de la Prezidanto, Vicprezidanto kaj Direktoro estis donataj la necesaj klarigoj kaj promesata ekzameno de la eblecoj, sekvi al tiuj valoraj sugestoj. Certe tia horeto de interŝanĝo de ideoj pri la plej diversaj punktoj estas grava por interesigi la partoprenon en kongreso de Esperanto. Parolita vorto multe pli efikas ol longaj leteroj. Tion konstatante la Prezidanto S-ro Stettler fermis tiun laborkunvenon, samtempe ankoraŭfoje invitante al la

*ĝardenfesto,*

dediĉita de UEA al la kongresanoj el rimedoj disponigitaj de amiko de UEA.

La ĝardenfesto okazis en la « Sanssouci » de Köln, en la idilie lokita « Parkhaus » en Rheinpark. La alvenintaj gastoj estis ĝoje surprizitaj, kiam ili jam de malproksime de sur la supro de la konstruaĵo estis salutataj per la grandaj lumantaj literoj

**U. E. A.**

pri kiuj oni ŝerce konstatis, ke « *UEA igas lumi sian lumon* ». La ĝardeno, la terasoj, la ĉambraro pleniĝis, orĥestro ekludis, milda aero permesis sidadon en bela vespero sub libera ĉielo kaj promesis mirinde belan veran ĝardenfeston — jen ekgutetis, jen pluvetis. Oni devis retiriĝi en la salonojn, kie regis interpremo kaj sufoka aero. Domaĝe, ke la veterdio ŝajne ne estas funkciulo de UEA, tiel oni plendis, kaj la plendoj kaj ĝemoj eble kaŭzis, ke post kelka tempo la vetero pliboniĝis tiel ke hardituloj riskis resti ekstere — tamen la plimulto restis en la salonoj, estis salutataj nome de UEA pere de ties komitatano S-ro Isbrücker el Hago en ŝerca maniero kaj samtempe invititaj je ekskurso al Arnhem kun vizito aŭ restado en la Esperanto-domo de la Ĉe instituto, aŭdis de tie la muzikon kaj jen en tiu, jen en alia salono ĝojis pri la kantoj de nia angla amiko Thomas, pri ŝerckanto komuna de nia Köln'a bonhumorulo Kurth kaj ĝenerale bone amuziĝis. Ĉefe la ebleco, danci, dancadi, por la gejunularo inter 17 kaj 70 jaroj multe konsolis pri la malbonhumoro de la veterkompetentulo, kaj tiel la ĝardenfesto de UEA kontentigis verŝajne ĉiujn ĉeestantojn. Speciale dankata estu la orkestro, kiu sub lerta konduko de orkestrestro Itsch el Köln plenumis bonege la taskon, prezenti internacian muzikprogramon.

Pasis la festotago de UEA — laŭ nia scio la unua festotago de la Asocio dum 25 jaroj! — kaj estis mejlŝtono sur la vivovojo de la fondaĵo de Hodler kaj Rousseau. Sur novaj vojoj, neforgesante la tradicion de 25jaroj, UEA daŭrigos sian laboron, kaj estu esperata, ke al la gratuloj, ricevitaj je la jubileo kaj al la bondeziroj, esprimitaj je tiu okazo, sekvu periodo de efika laboro kune kun ĉiuj Esperantistoj en la mondo, sub la devizoj, kiujn amiko Blaise en sia dankparoladeto ĉe la fino de la festkunsido aplikis kiel devizoj de UEA

« Unueco donas fortecon » kaj « *Mi servas* ! »

# LA PLEZURAĴOJ

*Surprizo por la frupagintaj*

510 Kongresanoj estis promesita por lundo, la 31.7. — La renkontejo « sub la Hohenzollernponto » facile diveniĝis, ke temis pri ŝipveturo sur patro Rejno, kaj tiel estis. Baldaŭ pleniĝis la ŝipo de gaja amaso. Agrable sidante aŭ en la vastaj kaj lumaj kajutoj aŭ en la pli malhelaj ferdekoj, la gastoj de la LKK ĝuis la veturadon sur nigriĝintaj ondoj, en kiuj speguliĝis la lumoj de la stratoj kaj pontoj, de restoracioj kaj amuzejoj. Muziko eksonis kaj kantoj, dancado sur limigita loko sed kun nelimigitaj ĝojo kaj fervoro — tiel daŭris ĝis noktmezo kaj ĉiu bedaŭris, ke « jam » finiĝis tiu bela veturo surpriza.

Ĵus parolinte pri la surpriza veturo sur Rejno lundon vespere, ni memoru tuj la kongresan ŝipekskurson al la Sepmontaro ĵaŭdon, la 3an de Aŭgusto.

*Ho Rejno, reĝa vi river'*
*Nekomparebla sur la ter' —*
*Saluti vin alvenis ni:*
*Trideknacia famili'.*

Jes, ĝoje la tridekdu-nacia familio salutis la belan Rejnon, kaj la Rejno salutis kore ilin, tiujn 1.000 ekskursantojn, kiuj en belega matensuno suriris la majestan ŝipon, riĉe ornamita per Esperantoflagoj. Muziko anoncis la forveturon, malgrandiĝis la katedralaj turoj, la pontoj de Köln, preterglitis belaj antaŭurbaj vilaoj, parkoj kaj ĝardenoj. La bordoj, kvankam ebenaj, montris kelkan belan bildon, la vigla ŝiptrafiko sur la larĝa rivero donis okazon, observi la diversajn tipojn de ŝipoj el ĉiuj nacioj, kiuj nomas la Rejnon ' sian ' riveron. Ĉe Wesseling salutas granda verda stelo kaj surskribo « Vivu Esperanto ! » — danka resaluto de ĉiuj sur la ŝipo estis kompreneblaĵo. Granda stacio — Bonn, poste Godesberg, kaj nun antaŭ ni la arbarumitaj montoj de la « Sepmontaro » kun la majesta « Draka Roko » en unua vico. Preter la « Rolandarkaĵo » kaj insuloj Grafenwerth kaj Nonnenwerth la ŝipo atingas Bad Honnef. La gastoj estas salutataj de la urbestro de Honnef, post la elŝipiĝo ili estas grupigitaj kaj gvidataj al la manĝostacioj, kie la preparoj estis tiel bonaj, ke jam post duona horo la ĉefa apetito estis satigita. Laŭplaĉe la grupoj nun suriris aŭtomobilojn aŭ migris al la ĉefaj elrigardejoj de la Sepmontaro : Petersberg, Drachenfels (Draka Roko), Oliva monto. Survoje ĝuante la belajn arbarojn kun ĉiam ŝanĝantaj perspektivoj, ili ĝuis de sur la supro nekompareble belan bildon de tiu ĉiam alterna pejzaĝo, ili ripozis, refreŝigis sin kaj renkontiĝis ĉirkaŭ vespere ĉiuj en Königswinter. En krepusko oni suriris la ŝipon, kaj en malhela vespero sur nigraj ondoj, en kiuj respeguliĝis la preskaŭ plena luno, jen silente, jen kantante, la gaja Esperantista popolo de la 25a reglitis al Köln. Plene kontentaj ĉiuj estis pri la veturo, kaj la restado sur la ŝipo tiom plaĉis al multaj, ke post la alveno ili restis sur ĝi ĝis horo, kiu sonas nekredebla kaj pri kiu ni prefere silentu... Bela tago, bela veturo, multe da amuzo, kion ni dankas al la LKK, ĉi foje bone interkonsentinta kun la ĉefministro por veteraferoj !

*Rejnlanda vespero.*

*Rejnlando, vi ĉiela don',*
*Juvel' en la germana kron' —*
*Ekkonu vin en vasta rond'*
*La tuta homloĝata mond' !*

La festsalono en Gürzenich, kiu dimanĉe ĉe la malfermo malgraŭ siaj multkoloraj freskoj aspektis tiom serioze, mon-

tris festan, gajan bildon en tiu rejnlanda vespero. Longaj blanke kovritaj tabloj, ĉe ili feste vestita amaso, boteloj kun vino, glasoj plej ofte malplenaj sur ili. Ĉe la prezidejo apud la kongresa amuzestro Kurth konata Kőln'a Karnavalsocieta Prezidanto s-ro Fritz Maass. Post salutoj arta programo : F-ino Kăthe Herbig, operkantistino, ĉarme kantis gajajn kantojn; Steinbach-baleto montris ravigajn dancojn de knabinoj kaj junulinoj en diversaj kostumoj; kvarteto de la fame konata Mănnergesangverein Kőln (virĥora unuiĝo Kőln) nomata « Rheinwellers » (Rejnonduloj) prezentis diversajn *germanajn* kantojn en gaja maniero kaj trovis kiel ĉiuj aliaj dankan aplaŭdon, kiu eble estis plej varma post la kanto en Esperanto « En freŝa valo » (In einem kühlen Grunde ktp.). Inter la unuopaj numeroj estis kantataj komunaj kantoj laŭ la tekstoj en la kongreslibro, ĉefe amuza fariĝis tiuj kantoj, kiam estis ordonita la « Ŝunklado » aŭ la «kristarba sonorigado», en kiuj partoprenis ĉiuj ĉeestantoj kun fervoro rekoninda. Paŭzo donis okazon, iom refreŝigi sin de tiuj streĉoj, kaj tiam komenciĝis spektaklo, kian ĝis nun neniu kongreso povis ĝui : *Kőln'a Karnavala vespero.* Enmarŝis taĉmentoj de tri diversaj karnavalaj societoj de Kőln en brilaj, multkoloraj uniformoj, kun flagoj kaj ĉiu kun sia « Manjo », kiel nomiĝas la kompania « mastrino ». Post ili paĝioj, tiam la granda karnavala « konsilantaro de la dekunu », ĉiuj en solena vespera vestaĵo kaj karnavala ĉapo, la Prezidanto pompe ornamita per ordenoj kaj longaj plumoj sur la ĉapo. Sur la estrado ĉiuj plaĉe grupiĝis, kaj nun komencis programo tiom riĉa, tiom varia kaj ridiga, ke ni ne ĉesis miri pri la okazintaĵoj. Ekzercadis la kompanioj, dancis ilia Manjo, la orkestro akompanis en perfekta maniero, prezentiĝis unu el la plej konataj verkisto kaj interpretisto de karnavalaj kaj kabaretaj kantoj kun propraj liedoj ŝercoplenaj, kies rekantaĵoj estis furioze kunkantitaj de tridekdu nacioj; alvenis du Hamburg'aj metiistoj kun kvodlibeto el plej diversaj kantoj, kiu kondukis ilin tra tuta Eŭropa; trumpetis majstre la « Trumpetisto de Săckingen », « la poŝtkondukisto », la « kavaleria trumpetisto » en ĉiam la koncerna vestaĵo, kaj akompanis ĉi ĉion la Prezidanto per prezentaj vortoj, kiujn la Esperantista Prezidanto tradukis al la gastoj, ne mankante moki unu la alian pro lia hararo (al ambaŭ mankanta) kaj farante plej diversajn ŝercojn. Solene formarŝis fine la Karnavala Soldataro, kaj restis ĉe ni la memoro pri io, kiun ni gastoj eble ne tute komprenis, sed pro kio envii oni povus esti tentata, ĉar tia mondpercepto certe faciligas la vivon. La Rejnlanda vespero iam finiĝis — kiam, pri tio ni ne parolu. Dankon al ĉiuj, kiuj montris ĝin al ni, dankon al la LKK, kiu ne ŝparis la altajn kostojn !

*Internacia balo.*

*Dancadi ŝatas ĉiu ajn*
*Popol: do ankaŭ ĉe la Rejn'*
*Dancado estas korplezur',*
*Utila eĉ por la figur'.*

Tial la Ruĝa salono de la kongresejo baldaŭ plenigis sin per la Esperantistaro dancema, ekludis la orĥestro kaj komencis dancado de 32 nacioj. Kontraŭe al antaŭaj kongresoj ĉi jare ne estis naciaj kostumoj, kiujn oni en Kőln eble estus konsiderintaj kiel karnavalaj vestaĵoj. Tamen la bildo de la dancantoj estis multkolora kaj bela pro multaj elegantaj kostumoj de fraŭlinoj kaj sinjorinoj, kritikon eble povis veki tiuj Samideanoj el la pli forta sekso, kiuj opinias, ke la deca vesto por balo estas tenisa kostumo aŭ almenaŭ blanka jako, ĉar oni en tiuj vestaĵoj malpli ŝvitas ol en frako. Inter la



MALNOVA KOLONJO.

dancoj estis montrataj baletprezentaĵoj — ili ja plaĉis, sed videble estis, ke la gastoj pli ŝatis, mem danci ol vidi dancadon de aliaj. Interfratiĝa danco, aranĝita de nederlanda samideano, zorgis, ke konatiĝis gedancantoj, kiuj alie ne havis okazon; polonezo vigligis eĉ tiujn, kiuj por aliaj dancoj estis tro oportunemaj — do por ĉiuj gustoj estis zorgataj. Fino okazis post la 12a — kiom post, pri tio mi ne scias raporti, ĉar mi ne ĉeestis tiun okazaĵon.

LA KATEDRALO EN KOLONJO.






Direktoro Robert Kreuz.



S-ino Manjo Gernsbacher.




S-ro Poŝtkonsilisto Behrendt.

*Surpriza ekskurso.*

estis anoncita kaj partoprenita de multnombra kongresanaro. La veturo kondukis « *en la bluajon* », kaj multaj estis la celoj, kiujn oni divenis. Ĉarma arbarregiono fine akceptis la aŭtomobilkaravanon, estis la tielnomata « Bergische Land », kaj en ĝi la fama katedralo en Altenberg, kiun celis la ekskurso. Post admiro de tiu konstruaĵo, deveninta el la 13a jarcento kaj spertinta multajn sortojn, la kongresanoj refreŝiĝis sin en la Markusmühle en kampara maniero kaj estis kiel rakontis la Biblio « ili ĉiuj satiĝis ». Ke nia ĉarma kongresreĝino Maria Gernsbacher tie aktive kunlaboris ĉe la manĝigado de tiom da malsatuloj, estu speciale danke rekonata ĉi tie. La reveturo same bone kaj interese pasis, tiel ke kelkiu bedaŭris, ke la veturo « en la bluajon » tiom baldaŭ pasis.

*Gaja vespero.*

Kiam Sabaton vespere (5. Aŭg.) la gastoj alvenis, la kunvenejo en « Colonia-Haus » estis jam plenplena. Tamen oni enirigis ĉiam pli multajn kaj strange — ili tamen trovis sidlokojn. La Loka Grupo Köln, kiu respondece signis por tiu aranĝo, klopodis sub gvido de sia Prezidanto, s-ro Kurth, por plensatigi ĉiujn kongresanojn, kiuj eble ankoraŭ ne estis kontentigitaj de prezentaĵoj, kaj do ni aŭdis ŝercoplenajn parolojn de la Prezidanto, vidis akrobataĵojn, dancojn, vivantajn bildojn ktp., ktp. en ĉiam ŝanĝanta vico kaj en abunda kvanto, tiel ke nur post noktomezo eksonis la reciproka adiaŭo kun la elkora deziro « Ĝis revido en Stokholmo ». (J. K.)



Kolonja karnavala korpuso dum la Rejnlanda Vespero.

# Fakaj kunvenoj

## Bahaa kunveno

okazis mardon, la 1-an de Aŭgusto 1933 en la « Kolonja Salono » de la kongresejo. Prezidis prof. Paul Christaller el Stuttgart. Li bonvenigis la kunvenintojn, poste *D-ro Adelbert Muehlschlegel*, Stuttgart, prelegis pri « *Kredo kaj scio* ». Li precipe akcentis, ke la fondintoj de la bahaa movado ofte konigis la principon, ke religio kaj scienco nepre devas akordi, alie la unua fariĝas superstiĉo, la dua materialisma; religio kaj scio estas kvazaŭ la flugiloj por progreso de l'homaro. Sekvis prelego de *prof. P. Christaller* pri « *Bahaismo kaj la socia problemo* ». Estas montrite, kiel bahaismo, laŭ la instruoj de la fondintoj, kaj aplikataj en diversaj rondoj taŭgas por solvi la socian problemon. Fine *F-ino Elsa Maria Grossmann* legis verkajon de Lidja Zamenhof, kiu bedaŭris ĉi-fojon ne povi ĉeesti. Ŝia temo estis « *Bahaismo, la instruo pri unueco* ». Pro manko de tempo f-ino Grossmann devis rezigni citi vortojn de Abdu'l-Baha pri « Spirita realeco kiel fonto de homa progreso ».

## Radio-Kunveno

*Lundo, la 31 julio 1933 en la « Kolonja Salono ».*

S-ro Jungfer, prezidanto de Internacia Radio-Servo, malfermas la kunvenon kaj salutas la ĉeestantaron. Estas elektata kiel prezidanto S-ro Prof. Schmalzl el Weiden, Germ. Protokolanto fariĝas laŭ aklamo s-ro Habellok, Berlin. S-ro Schmalzl transprenas la prezidantecon kaj voĉlegas la tagordon, kiu estas akceptata. Pri punkto 1 (ĝisnunaj laboroj de IRS) s-ro Jungfer raportas (vidu : Oficiala Raportaro, pĝ. 55) kaj petas kritikon. S-ro Kreuz, direktoro de ICK, substrekas, ke la laboro de S-ro Jungfer estas treege grava ; momente ekzistas neniu pli grava laboro ol la radio-laboro. La laboro devas esti farata per rimedoj taŭgaj, kiuj estas diversaj laŭ la landoj. Fine s-ro Kreuz dankas al s-ro Jungfer pro le penega laboro farita ĝis nun. (Aplaŭdo). S-ro Hub, Maffersdorf, ĈSR, raportas pri la dissendoj en Brno kaj petas la ĉeestantaron, ke ĉiu aŭskultanto de Radio-dissendo skribu al la sendstacio, ĉu plaĉis al li la aŭditajo aŭ ne. S-ro Kreuz proponas, ke S-ro Jungfer raportu pri la Radiodissendoj en Brno en la Ĝenerala Estraro. Ankaŭ pri punktoj 2 kaj 3 (Laborplano por la vintro kaj Specialaj aranĝoj) raportas s-ro Jungfer. Pro tro progresinta horo s-ro Schmalzl proponas, ne diskuti pri la punktoj 4-7 kaj tuj priparoli la punkton 8 (diversaj aferoj). (Akceptata ta). S-ro Naumann, Grossenhain, proponas, ke ĉiu E-organizajo zorgu, ke estu reprezentanto por Radio-aferoj en ĉiu grupo. S-ro Schmalzl proponas, ke ankaŭ ne-esperantistoj skribu al la sendstacioj kaj postulu E-kurson. — Ĉar la plimulto forlasas la kunvenon pro alia laŭprograma aranĝo S-ro Schmalzl estas devigata fermi la kunvenon. S-ro Jungfer ricevas la finparolon. Oni forlasas la kunvenon, promesante ĉion eblan, por antaŭenpuŝi la Radioaferon.

## UNUIĜO DE ESPERANTISTAJ VIRINOJ

havis kunvenon en Köln dum la Universala Kongreso Merkredon la 2-an de Aŭgusto 1933 je la 14-a. En nomo de LKK F-ino Mielau salutis 20 ĉeestantojn. Pro kaŭzoj kiujn ni ĉi tie ne bezonas aparte mencii publika propagando por tiu konveno ne estis ebla. Oni priparolis la celon de UDEV : Per Esperanto kunlabori kun ĉiulandaj virin-kaj porpacorganizajoj. Ni petas ĉiujn Esperantistojn kiuj havas iun ajn rilaton al tiaj organizajoj, kunlabori kun ni. Aliĝis 16 novaj membroj al UDEV. Nederlanda sekretariino fariĝis F-ino Marie Gilhay, *Voorburg*, Parkweg 99. Informojn donas volonte S-ino M. Borel, 1, Quai Claude Bernard, *Lyon*, aŭ s-ino Nora Kozma, Andrassy ut 5, *Budapest*.

## Blinduloj

Se troviĝis inter la Jubilea Kongresanaro pli intime gaja rondeto ol tiu de la 27 blinduloj el dek landoj kun la 25 gvidantaj amikoj, tiam Esperanto ja meritas senliman laŭdon kiel ilo por ĝojigi la homaron! Eble S-ro Joseph Kreitz, la preparanto kaj Prezidanto de « Nia Dekdua », multe laboris, por ke nia restado en la belega urbo estu ĝojplena kaj niaj kunsidoj fruktodonaj, sed tion lia konstanta komplezemo kaj bonhumoro neniam malkaŝis. Precipe en mia memoro longe restos la belega blindula koncerto, kie ĉarme kantis S-ino Josefiak, F-ino Saxer, kaj la ĥoro de kolonjaj blinduloj, kie majstre ludis fortepianon S-ro Dick Schipper, kaj rave sonis la gitaro de S-ro Zapater, kies famon konas eĉ la angla Radio! Ho belega semajno mi kiel eksterlandano plenkore konstatas, ke kontraŭ niaj Germanaj samideanoj mi havas nur unu plendon — ili ĉiuj kaj ĉiel agis por tro rapidigi la tempoforflugon! Tamen, restos la memoro, restos ankaŭ la danksento al S-ro Kreitz kaj al ĉiuj, kiuj per helpo aŭ favorigo de liaj klopodoj ebligis al ni tiun ĉe ĝuindan kuneston.

W. Percy Merrick.

# Cseh-kursoj

De la 7a ĝis la 17a de Aŭgusto 1933 okazis en la Esperanto-Domo en Arnhemo 2 kursoj. En la mateno estis internacia kurso por komencantoj, kiun partoprenis 80 personoj el 14 landoj. Posttagmeze okazis seminario por Cseh-metodaj instruistoj, ĝin partoprenis proksimume 50 personoj. Sinjoro Ĉe mem gvidis ambaŭ kursojn. F-ino Zamenhof honorigis ankaŭ tiujn ĉi kursojn per sia ĉeesto.

La du jus finiĝintaj kursoj plej bone sukcesis. Per ili aro da novaj adeptoj de S-ro Ĉe ekformiĝis aŭ plenformiĝis. Modern-metodajn batalantojn akiris la grava Esperanto-Organismo — la Internacia Cseh-Instituto de Esperanto — per kiu Nederlando pliriĉigis la tutmondan Esperantistan movadon kaj en la urbo Arnhemo aro da eksterlandaj gastoj sub la ombro de la verdstela flago havis la okazon konatiĝi kun la gastamo de la nederlandaj samideanoj kaj de la Arnhemaj loĝantoj.

D. M. P.

## Dua Helena E-kongreso

Ĝi sukcese okazis laŭ la programo. La nacia Universitato plezure gastigis ĝin, por la dua fojo, kaj la Ministerio de komunikoj konsentis 50 % rabaton por la ĝekongresanoj. Sabate (24.6) okazis la unua kunveno. Kongresa Estraro estas unuvoĉe elektita : Prez. D-ro Stamatiadis, vicprez. : Prof. Hadjidakis, de l'Nacia Universitato, kaj S-ro Skaramanga. Sekret. : Patsuris, F-ino Sarijanni, kaj S-ro Adamopulos ; dekano D-ro Sofroniadis. Sekvis interŝanĝo de opinioj kiu kondukis al bonaj konkludoj. Dimanĉe, okazis ankaŭ en nacia Universitato (Amfiteatro) la Solena Kunveno. La ministron de Kultoj, malestantan de Ateno, reprezentis, Ministeria Direktoro D-ro Lampadarios, kiu en la nomo de Ministro, solene malfermis la laborojn de l'Kongreso. Lia parolado estis vere esperantama (lia propra sperto pruvis al li la altan valoron de nia movado, li diris. Inter aliaj li menciis sian miron kiam je 1922, li aŭdis en Ĝenevo, en oficiala kunveno de Ruĝa Kruco, post aliaj lingvoj, ĉarman sinjoron parolantan nekonatan sed belsonan lingvon : Estis D-ro Edm. Privat. Fine promesis li sinceran ŝtatan helpon.

Parolis poste D-ro Stamatiadis, kaj sekvis la Delegito de UEA, S-ro Patsuris. UEA, li diris, ĉiam sincere interesiĝante por nia Movado, komisiis min ĝin reprezenti, ĉe la 2-a H.E.K. Fiera, mi klopodos igi inda de l'honoro, feliĉa samtempe, kiel greko, ĉar mi trovos okazon en mia raporto montri al la potenca UEA-familio, kaj per ĝi al la vasta Universo, ke en la lando de l'civilizacio, en la glora « Hellas » ne ĉesis kreski, la alta kaj nobla spirita floro de l'nuna civilizita mondo, ke la radianta lumturo de Idealismo, altvalora praava heredajo, ne estingis ĉe ni. Mi havas la honoron esprimi, al la 2-a HEK, kiu okazas samtempe kun la feliĉa festado de Jubileo de UEA, la koran kaj fratan saluton de nia Asocio, de tiu 25-jara brava batalanto. La saluta letero de UEA provokis koran entuziasmon kaj sinceran aplaŭdon. Sekvis salutoj de Franca Societo por Propagando de Esperanto, de Pollanda E. Delegitaro, kaj de Jugoslavia E. Ligo. Paroladis, poste, la prezidantoj de Atenaj Esp. Asocioj (5) kaj la reprezentatoj de provincaj asocioj.

Plensenca estis la parolado de ĝen. sekr. de Hel. Esp. Akademio S-ro D-ro Nikolaidis kiel ankaŭ kortuŝa, la deklamo. Varme aplaŭditaj estis ankaŭ la diplomitoj de H.E.Ak. inter kiuj, kolonelo Siosis, direktoro del' milita Ministerio. Komuna fotografado finigis la kunvenon.

Posttagmeze okazis sukcesplena ekskurso al la bizantia monaĥejo de Dalni, kun la mondfamaj mozaikoj. Oni bone distriĝis ĝis nokte.

Lundo, 26-a de Junio, estis la tago de l'laboro. Antaŭ tagmeze kunsidis la dimanĉe elektitaj komisionoj por la esploro de diversaj temoj de la tagordo. Posttagmeze, je la ĝenerala kongresa kunveno (same en la granda amfiteatro de Nacia Universitato) la komisionoj unue submetis iliajn proponojn. La konkludoj de tiu lasta kunveno, estas jenaj : Enkonduko de nia lingvo devige en la lernejoj, komence de la instruistaj kolegioj, kaj filozofa fako de l'Universitatoj, por kreo de instruistaro. Enkonduko de Esp. en la militaj lernejoj de maraj kaj havenaj oficiroj, kaj en la lernejo de komercaj ŝipoficiroj, ktp.

Prokrastigo de *tuja* fondiĝo de « Helena Esperanto-Federacio », kiu ĉiu-okaze estas nepre necesa. Ĝis ĝia kreado, plenumos ĝiajn devojn, kaj funkcios tuj (speco de oficiala federacio) Komitato, kiu daŭrigos plenforte, la laboron por la H.E. Federacio. Tiu komitato, nomita « Ekzekuta Komitato de la Dua H. Esp. Kongreso » krom tio, laboro por la propagando ĝenerale, por la sekvonta kongreso, kies urbo estas Saloniko, ktp. Ĝi konsistos el 4 reprezentantoj po ĉiu Hel. E. Asocio. Ĉiuj prez. de Atenaj Asocioj kaj la reprez. de provincaj Societoj dum la kongreso, jam partoprenas ĝin, sub prezido de D-ro Stamatiadis. Oni kredas ke tiu nova organizajo, helpos nian movadon. Post la finiga prezidanta parolado, la kongresanoj kantis nian E. himnon, per kiu finiĝis nia kongreso. Sekvis komuna vespermanĝo, en luksa restoracio « *Wiener Restaurant* » je kiu varmaj toastoj estas aŭdataj.

Atenaj ĵurnaloj favore raportis pri la kongreso. Tri aldonis fotojn, kaj oni povas diri ke la 2-a H.E.K. bone plenumis sian destinon.

# Post la kongreso

## Dankesprimoj

*El la aro da dankleteroj kaj gratuloj ricevitaj post la kongreso, ni represas unue la jenajn :*

Bern, la 17an de Aŭgusto 1933.

Sinjoro J. Karsch, Vicprezidanto de UEA
(por la partoprenantoj je la 25jara jubileo)
DRESDEN.

Estimataj, karaj Samideanoj,

Dum la jubileo de UEA ĝia Komitato havis la afablecon transdoni al mi memoran plakedon kun dediĉo kaj reliefa portreto. Al la mallonga danko parola mi deziras aldoni la skriban, por ke ĝi atingu ĉiujn membrojn kiuj per tiu artaĵo volis esprimi al mi sian simpation. Surprizite per ĝi kaj korpremite de la dediĉo tro laŭda, mi ne povis esprimi dum la festo la tutan ĝojon sentitan. Bonvolu do akcepti, vi konataj kaj nekonataj oferintoj, la plej varman dankon por la belega donaco. Mi vidas en ĝi signon de konfido, despli valoran ol ofte mi devis preni gravajn decidojn laŭ propraj ideoj, ne sciante en kia grado ili estas konformaj al viaj deziroj, kaj ĉu ili trovos vian aprobon.

Post evoluo relative feliĉa, malgraŭ sennombraj malfacilaĵoj, nia kara UEA ricevis en Kolonjo la honoran taskon plivastigi sian kadron kaj fariĝi la centra organizo esperantista. Gravaj ŝanĝoj en la konstruo de nia asocio estos por tio necesaj, sed laŭ mia konvinko la rezigno je aranĝoj ĝis nun bone funkciintaj estos pli ol kompensata per la promesita simpatio kaj kunhelpo de la landaj asocioj, kiuj estonte aliĝigos siajn membrojn al UEA. Tiel la energioj ĝisnun uzitaj por diskutadoj fariĝos denun liberaj por praktika laboro.

Petante vian plian konfidon mi penados, ke el la unueco organiza elkresku vera unueco laŭ sentoj kaj pensoj. Forta laŭ ĝisnuna konsisto, pliampleksigita laŭ la interkonsento de Kolonjo, UEA vidas antaŭ si belan estonton. Ni ĝoju pri la paco interesperantista, klopodu ĝin konservi, kaj laboru por ke ĝi portu fruktojn !

Kun danko kaj sinceraj salutoj.

*La Prezidanto de UEA :* Ed. STETTLER.

***

*En la sekvanta dankesprimo de fidela UEA laboranto, ni forlasas la nomon.*

Por la nomigo je Honora Membro de UEA mi esprimas koran kaj sinceran dankon. En tempo, en kiu mi suferas multe da humiligo, tia honoro estis por mi fonto de ĝojo kaj de novaj fortoj. Mi ne ĉesos, kun plena konvinko labori por la ideoj de Zamenhof kaj Hodler.

N. N.

***

...Mi tre dankas vin pro via ŝatata letero per kiu vi sciigas, ke mi estas nomata Honora Membro de UEA. Mi konscias pri tiu honoro kaj estas tre fiera ke vi pensas, ke mi indas porti ĝin. Kun kora saluto kaj bondeziro por la sukceso de la renovigita UEA, sincere via

W. M. PAGE, Edinburgh.

Estas por mi granda kaj tute neatendita honoro, kiun mi neniel meritas. Mi dankas vin ĉiujn elkore kaj promesas laŭpove ĉiam labori por nia kara Esperanto kaj subteni la fruktodonan laboron de nia ŝatata UEA.

F-ino Julie ŜUPICHOVA, Praha

***

Kun granda surprizo mi ricevis vian leteron per kiu vi sciigas min pri mia elekto kiel Honora Membro de nia Asocio ; mi tre ĝojas kaj dankas multe pro tiu tre grava honoro. Kvankam oni ricevas tiajn honorojn kutime por kroni vivon, mi sentas min ankoraŭ kapabla daŭrigi miajn servojn kaj tion mi faros kun energio duobligita.

F-ino G. GÉRARD, Paris.

---

# Bulgaraj esperantistoj

*oficiale akceptitaj per urbestro kaj Komerca Ĉambro el Bukureŝto.*

Post la partopreno de granda rumana grupo ĉe la XX-a Jubilea Esperanto Bulgara Kongreso en Rusĉuko, vizitis la ĉefurbon Bukureŝto ĝiaj partoprenintoj.

La 19-an de Julio ili estis salutitaj en la stacidomo per la urbestro mem kaj per delegito de la Komerca Ĉambro kaj estis loĝigitaj en la bela hejmo de la metiernejo de la Industria Ĉambro.

Je la 20-a, post akcepto oficiala en la Muzeo de Naciarto, la Bulgaraj kongresintoj kaj la Bukureŝtaj samideanoj estis gastoj de la urbestraro de Bukureŝto en la belega somerrestadejo ĉe la lago « Snagov », kie estis organizita festa bankedo ĉe kiu partoprenis la direktoro de Komerca Ĉambro kaj la reprezentantoj de la ĉefaj gazetoj. En entuziasma parolado la urbestro rekonis la gravecon de la fakto, ke pere de esperanto anoj de du najbaraj popoloj, parolantaj du lingvojn tute malsamajn, povis interkompreniĝi tiel bone je komuna festo. Nun li vidas en Esperanto la plej bonan ilon por amikaj kaj ekonomiaj rilatoj inter la popoloj kaj promesis al la Bukureŝta esperantistaro sian ĉiaman apogon.

Post li parolis la delegito de Komerca Ĉambro en Esperanto, dirante, ke jam de longe la Komerca Ĉambro subtenas praktike la celojn de la Esperantismo. La paroladojn tradukis la prezidanto de R.E.S., s-ro H. Fischer-Galati.

La 3-an tagon la prezidanto de Komerca Ĉambro Bukureŝta akceptis solene la Esperantistojn en ĝia palaco kaj dum kunsido okazinta en la granda konsilejo, la direktoroj : L. Burchi kaj T.A. Teodoro salutis la gastojn kaj esperanton, tiun nepre necesan interkompreniĝilon por tiuj popoloj kies lingvoj estas malsamaj. S-ro Fischer-Galati, tradukante la respondon de samideano kapitano Stefano Radef, prezidanto de « Solidareco », el Rusĉuko, atentigis pri la fakto, ke direktoro T.A. Teodoro, kiu estis partopreninto de la unua kurso de Esperanto farita en Rumanujo de s-ro Fischer-Galati en 1904, estas tiu, kiu faciligas la rilatojn inter la Komerca Ĉambro kaj Esperanto. La tuta gazetaro detale raportis pri la vizito, la paroladoj kaj priparolis laŭ politika kaj ekonomia vidpunkto la pravecon de la sukcesinta eksperimento kiun reprezentas tiu vizito.

---

# Grava venko en Portugalujo

La 4-an de Julio la Direkcio de Touring Club de Portugal aprobis proponon de nia Ĉefdelegito por la kreo de « *Esperantista Sekcio* », kiu funkcios en grava propagando de Portugalujo kaj Esperanto.

Esperanto estas vere unu el la plej efikaj propagandiloj de ĉiu lando kaj ni esperas ke tiu-ĉi ekzemplo fruktdonu kaj la ceteraj Touring sekvu liberanime identan vojon.

Cirkuleroj, portugale skribitaj, estas tuj sendotaj al la provincaj jurnaloj kun peto de represo kaj al ĉiuj membroj de Touring de Portugal ilin invitante lerni per korespondado la belan helpan lingvon.

Ankaŭ en la sidejo, en Lisboa, estas malfermota kurso gvidota de la ĉefdelegito mem.


Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

# Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo: 1, Tour de l'Ile, Genève

## Oficiala Informilo

N-ro 30

Administra jaro 1933: Aŭg.-Sept.

Bankkonto:
Société de Banque Suisse
(Schweizerischer Bankverein), Genève.
*Svisa Poŝtĉeko* : Genève I. 2310.

*Jarlibro 1933.* — Laŭ pluraj plendoj ricevitaj, certa nombro de jarlibroj estis fuŝe presitaj, kun paĝoj ne-interkorespondantaj k.t.p. Ni petas resendi tiajn ekzemplerojn, kiujn ni anstataŭos per aliaj. Ekzistas binditaj ekzempleroj. Membroj de UEA pagintaj la kotizon por 1933 povas ricevi tian por la malalta prezo de 3 Fr. svisaj.

*Vojaĝanta Delegito de UEA.* — S-ro Mustapha Raden, javano el Batavia estas rajtigata varbi dum sia mondvojaĝo por UEA, akcepti kotizojn en lokoj kie ne estas Delegito de UEA laŭ la kutimaj kondiĉoj de la statuto.

*Statistiko.* — Je la fino de Julio 1933 la Centra Kaso registris kotizojn : 294 Helpmembroj, 2293 Membroj 3479 Membro-abonantoj kaj 504 Subtenantoj. Sume 6570 kotizoj. (1932 je sama epoko : 7553).

---

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

### Argentino
*Ibarlucea.* — D : Francisco De Maria, fervojisto, F.C.C.C.
*Tucuman.* — D : Abel Antonio Peirano, Salta 36. VD : Honorio Folquer, la Ramada — F.C.C.A.

### Belgujo
*Genval.* — D : J. Robert Lostrie, komercisto, 46, Pl. Communale.

### Brazilo
*Livramento.* — D : Carlos Burg, dentisto, Caixa postal 58.

### Britlando
*Parkstone* (Dorset). — D : William Rae, 77 Parkstone Ave.

### Bulgarujo
*Tirnovo.* — D : Ivan Valĉanov, instruisto, Deviĉeska gimnasio. VD : Ivan Ĉantov, instruisto, strato Gurko 43.

### Ĉeĥoslovakio
*Bilin.* — D : Karl Heyne, seruristo, Walkergasse 292/I,
*Chrast p. Umonin.* — D : B. P. Snizek, studento, No. 19.
*Moravska Ostrava-Zabreh.* — D : Franc. Gill, Palackého 535.
*Nove Benatky.* — D : Benjamin Verner, Dentteкn. No. 388.
*Postoloprty.* — D : František Fiŝka, inĝen. Cukrovar. VD : F-ino Blazena Ŝpiĉakovà, oficistino. No. 142.
*Stonava.* — D : Paŭlo Bartulec, ministo, No. 100.

### Ĉilo
*Magallanes.* — D : Serafin Prado, Carilla 494.

### Ĉinujo
*Tsingtao* (Shantung). — D : Han Cin Ce, Radio Station, 33 Hupejh Rd
*Yunnanfu.* — D : Chang Ching-Chiu, 14 Li-zen-han, Ching-Lung street. VD : Li Chao Hua, (F-ino), 14 Li-zen-han, Ching-Lung.

### Francujo
*Belfort.* — D : D-ro Paul Muller, 36, Faubourg de Lyon.
*Graulhet* (Tarn). — D : R. Fernand Castel, 35, rue Baricouteau.
*Hautmont* (Nord). — D : Fernand Charlet, 7 rue du Clos.
*Malo-les-Bains* (Nord). — D : Edouard Houzé, 121, rue G. Neuts.
*Saint-Dié* (Vosges). — D : Marcel Levy, konservisto de hipotekoj.
*Thouars* (Deux-Sèvres). — D : Henri Fiez, Ave. de la Gare.
*Toulouse.* — D : F-ino Louise Castel, 22, rue Jacques Laffitte.

### Germanujo
*Düsseldorf-Gerresheim.* — D : Leo Brieger, Hasselbeckstr. 53-I.
*Nieder-Roden* (Hessen). — D : Edmund Kuhn, pastro.

### Hispanujo
*Cartagena.* — D : Feliciano Olivan Guiu, Str. Perez Lurbe 11-3 dch.

### Hungarlando
*Békés.* — D : Béla Török, Czikos u. 3, szam.

### Jugoslavujo
*Kula* (Dunavska). — D : Danĉika Nikolic, Kralja Petra 131.

### Kanado
*Vancouver.* — D : W. H. Fenton, 2755 West 36 Avenue.

### Liechtenstein
*Schaan.* — D : D-ro Kurt Kauffmann, poŝtfako 17260.

### Litovujo
*Ukmergi-Vilkomir.* — D : Ignaco Uŝĉevskis, Kauno gtve 7.

### Luksemburgo
*Luxembourg.* — D : D-ro W. Solzbacher, Montée de Pilate 77.

### Maroko
*Ceuta.* — D : José Lopez Vargas, Espino 2.

### Nederlando
*Oosterwolde* (Frislando). — D : F-ino E. Popping.

### Nederlanda Hindujo
*Soerabaja* (Oost-Java). — D : J. H. A. Sens, teknikisto, Droogdok. VD : C. A. A. Haccou, Gouvernements pandhuis Kalianjar te Kapasari.

### Norvegujo
*Sandefjord* (Vestfold). — D : Jojn Beggren, Storgt. 8.

### Portugal
*Barcarena* (Estremadura). — D : F-ino Alsacia Fontes Machado, Ribeira Acima.
*Guimarais* (Minho). — D : Antonio Borges, stud. Casa da Costa.
*Moita do Ribatejo* (Estremadura). — D : José Antonio Pereira da Azenha, Pateo José Pereira 1.

### Svislando
*Biel.* — D : Michael Miltcheff, c-o Apotheke Dr. L. Cuttat.

### Usono
*Earlsboro* (Oklahama). — D : W. L. Person, Box 203.
*Tacoma* (Washington). — D : Piezo M. Volto, 920 North I. Street.
*Waverly* (Iowa). — D : Giles H. Sharpley, 116 Second Street, N.W.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikiĝo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

### EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :

Ne plus estas D en jenaj lokoj :
*Aŭstrio:* Hainburg ; Weidlingau. *Belgujo:* Namur.
*Britujo:* Berkhamsted ; Chesterfield ; Derby ; Saffron-Walden.
*Ĉeĥoslovakio:* Ilava ; Zvala. *Danlando:* Svendborg.
*Francujo:* Cancon ; La Mure ; Le Puy ; Marcq-en-Baroeul ; Mouvaux ; (Paris : Ferrari) ; Saint-Mihiel ; Saint-Saens ; Sartrouville ; Sète.
*Germanujo:* Alzey ; Bamberg ; Darmstadt ; Gummersbach ; Lampertheim, Lohmen, Wasungen. *Hungarlando:* Mako.
*Japanujo:* Isahaja. *Jugoslavujo:* Oŝtrelj.
*Litovujo:* Mazeikiai. *Polujo:* Wieliczka.
*Usono:* Stuart. *Venezuela:* Caracas. (Sume : 33 lokoj).

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Aprilo 1933 ........................ | 2.043 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo .................. | — 33 lokoj |
| | 2.010 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.IV.33. ĝis 15.VIII.33 .......... | + 42 lokoj |
| Stato je la 15 Aŭgusto 1933 ........................ | 2.052 lokoj |

Genève, 15 Aŭgusto 1933. *Direktoro de UEA.*

# Esperanto en la Skolta Ĵamboreo Gödöllö 1933

Ĉiun kvaran jaron okazas Tutmonda Skolta Kunveno kun tendaro, nomata Ĵamboreo, laŭ vorto el sudafrika lingvo, signifanta « tendaro ».

Invitis por 1933 la Hungara Skolta Asocio kaj la ĵamboreo okazis en Gödöllö, loko proksime al Budapesto, atingebla per tramo. Giganta parko kaj kastelo, preferita restadloko de Elisabeto, hungara reĝino (1898 en Ĝenevo †).

La skolta movado estas memoraĵo el la tempo de la Bura Milito. Ja multaj memoras ankoraŭ tiujn tagojn kaj la grandan partoprenon kiun trovis tiu ĉi batalado por sendependeco. Estis dum la sieĝado de Mafeking, urbo en la Beĉuana lando (1899) kiam la defendinto, Generalo Baden-Powell, organizis helpservon por akcesoraj laboroj per knaboj inter 12-18 jaroj. Naskiĝis el tiu ĉi kunesto de knaboj ĉiaklasaj, sento de solidareco, helpemo kaj amikeco kaj estis speciale tiuj spertoj, kiujn igis la kreinton starigi ion daŭran. La Skolta movado, erare konsiderita kiel preparo por la militservo celas krei interpopolan solidarecon kaj ŝaton de la naturo. Ke la ideo estas sana, pruvas la fakto, ke ekzistas hodiaŭ skoltoj en preskaŭ ĉiuj landoj.



Grupo de Esperantistaj Skoltoj.

Al la ĵamboreo venis 20000-25000 skoltoj el la tuta mondo. Bedaŭrinde en tiu ĉi efektive internacia kunveno nia lingvo ne havas tiun rolon, kiun ĝi rajtas. Tio estas parte ŝuldata al la supereco de la brita influo en tiu ĉi movado. Sed eĉ supozi, ke la angla lingvo povus servi estas tro multe. La skoltoj, kiuj atingas scion de fremda lingvo (angla, franca aŭ germana kiel la ĉefaj) por povi libere paroli estas ega malplimulto, sablero en la maro.

La Skolta Esperantista Ligo klopodis por ke oni konsideru ankaŭ la movadon por internacia lingvo. Dank' al klopodo de kelkaj hungaraj skoltoj, kunvenejo por esperantistaj skoltoj estis kreita. Okazis du kunvenoj de la Skolta Esperantista Ligo (4 kaj 8 Aŭg.), kaj prezentado de hungaraj kantoj en Esperanto dum la tendara teatro. En la skolta ekspozicio, aparta muro por Esperanto kun kolekto de interesaĵoj el la skolta movado. Esperantistaj flagetoj vidiĝis ĉe aro da tendoj. La nombro de la partoprenintoj esperantistaj estis 180-200. La propaganda efiko de la diversaj manifestacioj esp. estis bona kaj promesoj lerni la lingvon estis multaj. La ĉiutaga skolta gazeto enhavis artikolojn pri kaj en Esperanto. Skoltoj sciantaj la lingvon estis en ĉiuj oficoj : Banko, polico, trafiko, gvidado kaj en la vendejo. Ankaŭ en la radio-dissendoj povis esti parolita kelkfoje en nia lingvo. La kunveno de la SEL estis vizitita de 200 personoj kaj parolis Pastro Nemeth, nelacigebla Paŭlo Balkanyi, John Berggren.

Ĉe la poŝtoficejo oni povis akiri la ĵamboreo-poŝtmarkojn sur memorfolio, dediĉita de Universala Esperanto-Asocio kaj Literatura Mondo.




Skoltoj esperantistaj el Trinidad-Insulo kaj la Direktoro de UEA.

Oni devas bedaŭri ke la eblecon de efika propagando inter skoltoj aro da naciaj societoj esperantistaj ankoraŭ malatentas. Estas nepre necese ke por la estonta ĵamboreo la nombro de la esp. skoltoj estu multe pli granda. UEA kiu jam diversmaniere subtenis la klopodojn faritajn en tiu ĉi direkto volonte daŭrigos tiun subtenon. (Laŭ raporto de P.B.)

---

# *Turismo*

## Hastings kaj St. Leonards

Luksan gvidlibron en Esperanto eldonis la Urba Informejo de Hastings kaj St. Leonards, lokoj kie naturo kaj historio kuniĝas.

La gvidlibro (23 cm alta, 14,5 cm larĝa) koncize kaj klare redaktita informas pri ĉiuj vidindaĵoj, kaj dek ilustraĵoj kompletigas la tekston.

Ricevebla pere de la Brita Esperantista Asocio, 142 High Holborn, London W.C.1 aŭ de la Turisma Servo de UEA, Genève, kontraŭ unu respondkupono aŭ ekvivalento en PM. (Vidu daŭrigon p. 157)

# Bibliografia Servo de UEA

## Donaco

De Sinjoro Petro Stojan, eks-bibliotekisto de UEA ni ricevis donace ekzempleron de:

*Auguste Sigrist:* Résurrection de la Philosophie ancienne. La parole, le geste, la langue universelle, la morale, l'éducation sociale. Ouvrage présenté à l'Académie Française pour l'obtention du prix Montyon.

Paris 1908. En vente chez l'auteur. 14-22 cm, 208 p. (Kun multaj desegnajoj aldonitaj). Imprimerie J. Dumoulin, Paris.

## Novaj libroj 1933

TAKEUCI-TOKICI: *Provo de la una legolibro en Esperanto.* Reviziita de Tasuku Sasaki. Por uzo en elementaj aŭ suplementaj lernejoj. Laŭ komisio de la XIX-a kongreso de Japanaj Esperantistoj. 32 paĝoj, 11,5×15 cm. Prezo ne montrita. (1933-28).

ROSENBERG, JAKOB: *Societa Ludaro por hejmo kaj ekskurso.* (Aŭtora eldono, Tallinn. Presis Trükikoda Kiirtrück, Tallinn Rataskaevu 6. 48 paĝoj, 11×17 cm. Prezo 0.60 Frk. (1933-29).

STAMATIADIS, D-RO ANAKREON: *O Mikros Diermineis Tis diefnois glossis Esperanto.* Ateno 1933. Presis Tip. Ta Kroniki. 56 paĝoj, 12,5×17,5 cm. (1933-30).

ANDRÉ MAUROIS: *Bareluloj kaj Fadenuloj.* El la franca lingvo tradukis: Berno Fabo. Ilustris: Jean Ermers, 105 paĝoj. 14×20 cm. (1933-31).

SELMA LAGERLÖF: *La mono de Sinjoro Arne.* El la sveda lingvo tradukis: Stellan Engholm. Eldonis Förlagsföreningen Esperanto u.p.a., Stockholm. 110 paĝoj. 14×20 cm. (1933-32).

*** *Jarlibro de Tutmonda Asocia Kolektanta (T.A.K.) por* 1932-33. Kompilis D-ro Jozefo Takács, prez. de T.A.K. Jablonné N. Orl. ČSR. 32 paĝoj. 11×15,5 cm. (1933-33).

*** *Koentji Esperanto (Malaja ŝlosilo).* Eldonis Centraal Esperanto-Bureau & Instituut, Semarang-Java. 64 paĝoj. 8×12 cm. (1933-34).

P. LAKŜMI NARASU: *Budao.* Komparita kun angla originalo de Okamoto-Joŝicugu. Esperantigis Takeuĉi-Tookiĉi-laŭ japana traduko. 50 paĝoj. 11×15 cm. (1933-35).

*** *Realigo de norma socio.* Eldonis Belisma-Koopera-Kulturejo, Jamaŝiro-Maĉi Iŝikaŭaken, Japanujo. 42 paĝoj. 12,5×19 cm. (1933-36).

SALOM ASCH: *La Sorĉistino el Kastilio, Historia bildo.* El la juda lingvo tradukis I. Lejzerowicz. Eldonis Literatura Mondo, kaj Asocio de Esperantistaj Libro Amikoj, Budapest. 148 paĝoj. 13,5×20 cm. Prezo broŝ. sv. fr. 3,50, bin. sv. fr. 5.— (10% por sendkostoj). (1933-37).

*** *Observadoj meteorologiaj kaj aerologiaj en Tateno.* Eldonis Aerologia Observatorio en Tateno, Japanujo. 52 paĝoj. 19×25 cm. (1933-38).

---

La serio de la tiom utilaj ŝlosiloj pligrandiĝis. Aperis post la araba, la malaja, la flandra kaj la serba (en ĉirilica skribo) - Ni raportas pri ili en venonta n-ro.

---

*Selma Lagerlöf:* La mono de Sinjoro Arne. Eld. Soc. Esperanto, Stockholm. 1. 110 paĝoj. Prezo: broŝ. sved. kr. 1,50.

Selma Lagerlöf, la plej fama verkistino sveda, distingiĝas per sia stilo neordinara. En ŝiaj libroj abundas legendoj el malnovaj tempoj, sed la legendoj rerakontita de ŝi estas ne nur legendoj plenaj de fantazio, sed ŝi donis al ili novan vivon kaj sencon. Ŝi estas granda psikologistino, kiu scias tre profunde analizi la homajn karakterojn laŭ maniero neordinara, ŝia stilo estas ĉarma, riĉa kaj bela. Ŝia verkaro estas tre granda, sed ĝis nun aperis en esperanta traduko nur unu verko (La junulino el Stormyr).

Nun aperis la dua verko, rakonto el la deksesa jarcento. Pri la enhavo de la libro ni ne rakontu tie ĉi, ni volas nur diri, ke ĝi estas pli tipa por la verkado de Lagerlöf ol estis La junulino el Stormyr.

La tradukon faris la bone konata sveda verkisto Stellan Engholm. Laŭ la eksterajo la libro estas bela. La kovrilo estas desegnita speciale por la esperanta eldono de sveda artisto.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro CHARLES W. A. STEARNS, D de UEA 36057, en Lakewood, N. J., Usono.

S-ro M. J. ELLIOT, pastro, D de UEA 8501, en Berkhamsted, Britlando, mortis post 3-monata malsano la 18 Aprilo 1933.

S-ino M. THEODORE, anino 22107, en Welshpool, Marto 1933.

S-ro SAN. RAT. D-ro RICHARD TRAUGOTT, ano 24224, konvinkita esperantisto, en Breslau.

S-ro ANTONIO LOPEZ HIDALGO, ŝtatoficisto 79-jara, post subita malsano en Buenos Aires (Argentino) la 16-an de marto. Patro de nia Vicdelegito en la sama loko s-ro Giordano Bruno Lopez.

S-ro ERNESTO WIEGNERS, ano 24683, komponisto kaj direktoro de fonologia instituto, eksgvidanto de esperanta kantohoro, en Riga.

S-ino V-ino M-I-J COGEN, patrino de S-ro L. Cogen, Del en Ninove, Belgujo, 19.1.33.

S-ro GERHARD SHUBERT, D 20.914, en Lohmen, Germanujo.

S-ro ZVEZDOMIR BELĈEV, poeto bulgara, malnova esperantisto el Sliven, mortis en Brusels, 23.2.33 (I.H.K.).

S-ro JOSEF ŜAFAR, ano de UEA 32634 en Trutnov, Ĉehoslov. (reveno de E.).

S-ro JAROSLAV POKORNY, ano 33469 en Zastavka u Brna, Č.S.R.

S-ro MINORU JAMADA, Delegito en Isahaja, Nagasaki-Ken, 7. Junio 1933. (J.Y.).

S-ro M. F. ONNEN, eks-ĉefdelegito nederlanda, 64 jaraĝa, 25. Junio 1933. Laborema kaj fervora, kvankam ne ĉiuj konsentis lian elekton de metodoj.

S-ro Prof. D-ro JOH. SCHMIDT, malnova fidela ano n-ro 12190 en Essen, 4. Februaro 1933.

S-ro OTTO REBER, Oberregierungsrat (Supera Reg. Konsilanto), Delegito kaj fervora amiko de UEA de l'komenco. (Laŭ reveno de l'revuo, Majo 1933.)

S-ino HROMADOVA, patrino de Rud. Hromada, komitatano de UEA, 24 Junio 1933. Al nia amiko jam forte atingita pro morto de l' patro, antaŭ nelonge, ni esprimas sinceran partoprenon en tiu-ĉi aflikto.

S-ro LÉOPOLD GOLDBERGER, eks-vicprezidanto de la societo Esperanto, ano de UEA 27639 en Kraków, 3 Julio 1933.

S-ro VICTOR POLGAR, posedanto de la Esperantista Presejo en Paris (antaŭa Presa Esperantista Societo), 9 Julio 1933, 57 jar-aĝa.

Kruela sorto trafis nin per nova bato: la 12-an de Julio estas entombigita nia samideano Victor Polgar. Deko demalnovaj esperantistoj akompanis lin lastan fojon. UEA estis reprezentita de F-inoj Gérard kaj Royer, delegitinoj. Al la tombejo venis kelkaj parizaj samideanoj; S-ro Warnier, prezidanto de la Pariza grupo diris kelkajn adiaŭajn vortojn en Esperanto. Novaj esperantistoj ne konis tiun humilan kaj sindoneman homon; neniam oni sin turnis al li vane; al ĉiu peto li «silente» respondis per elokventa monsendo. Loĝante ekster Parizo, li ne povis ĉeesti kunvenojn. Sed li ludis gravan rolon en le vivo de Esperanto, speciale en Francujo; kiam S-ro Cart tiom energie batalis por fondi la S.F.P.E., li trovis la helpon de S-ro Polgar, kiu, tiam tute malriĉa, tamen eldonis je siaj propraj kostoj la du aŭ tri unuajn jarlibrojn de tiu naskiĝanta societo kaj, tiel, ebligis ĝian kreadon.

Alveninta en Francujo, kiel simpla laboristo en 1905, per sia konstanta laboro, li fariĝis la posedanto de la tutmonde konata Presejo 33 rue Lacépède; eble lia laboro superis siajn fortojn; li malsaniĝis kaj ankoraŭ juna (55 jara) mortis, postlasante la laboron al sia frato, Joseph Polgar, dank'al kio tiu unua fokuso de Esperanto en Francujo ne malaperos.

S-ro KONRAD WEIERSHAUSER, Vicdelegito de UEA en Marburg a.d. Lahn 56 jar-aĝa 3 Junio 1933. Lernis la lingvon post la milito kaj fidele laboris por la afero.

*Sinceran kunsenton!*

# Oni dankas

*** S-ro G. Spoon el Rotterdam kaj F-ino M. Lippert el Wien tutkore dankas al helpemaj samideanoj en Salzburg, tute speciale al Samideano von Lidl, Delegito de UEA, por modela gvidado.

*** La societo « Esperanto kaj Turismo », treege dankas al Sinjoroj Clough, Blaise, Fitton kaj al Sinjorino Ongley, el Anglujo, pri ilia afabla helpo, dum la vojaĝo de la membroj de la Societo en Folkestone kaj London.

*** F-ino Royer, delegitino en Paris dankas al S-ro Kervran, delegito en Nantes, kiu afable sciigis ŝin pri Pariza samideano vundita en fervoja akcidento okazinta apud Nantes.

*** S-ro Hans Jakob, Direktoro de UEA, kore kaj amike dankas al S-ro Radomir Klajić, D en Beograd, al la afablaj anoj de la Societo Esperanto en sama urbo, al S-ro Nikola Lisac en Sarajevo, kaj al la samideanoj kunvenintaj en tiu ĉi rava urbo, dum lia ĉeesto, al Profesoro-Franciskano Volnić, Delegito en Dubrovnik al D-ro Maruzzi, D en Zagreb, al S-ro Jelenič Delegito en Ljubljana, plie al S-ro Bonini, D en Venezia kiel ankaŭ al S-ro Pizzi en sama urbo, pro plej afabla helpado dum vojaĝo neforgesebla.

*** Al F-ino Rena Weinsberg VD kaj al S-ro I. Wiesenberger, D en Krakow, esprimas tute specialan dankon pro gravaj servoj faritaj Bernhard Kötz en Leipzig.

*** S-ro Pomérol, Delegito de UEA en Boulogne-Billancourt, dankas al S-ro R. Huber, D en Luzern, al S-ro Rotach, prez. de la grupo en Bern, S-ro E. Kunz, D en Thun, al S-ro Jaquillard, D en Lausanne por bona akcepto al li farita okaze de vojaĝo en Svislando.

*** S-roj A. M. Macek kaj Aleks. Csader, reprezentantoj de Skolta Ligo Esp., en Bratislava kore dankas al S-ro R. Cech, S-ro N. Hovorka, S-ro W. Mudrak, Del. de UEA en Vieno pro afabla gvidado, plie al S-ro Reg. Kons. Steiner pro afabla akcepto en la Internacia Esperanto Muzeo.

*** S-ro Jürgen Jacobson, ano de UEA en Danzig kaj Köln, kore dankas al S-ro Filott, D en Maastricht kaj al S-ro Hagenaars-Custers kiel ankaŭ al la loka grupo pro afabla gastameco kaj afableco.

*** S-ro M. D. Dupuis kune kun siaj kunvojaĝantoj el Parizo, tutkore dankas S-rojn Lavisse en Bruselo, Van Dijk en Rotterdam kaj Ge-srojn Bramkamp en Hago pro tre afabla akcepto kaj gvidado.

# En kelkaj linioj



*** S-ro Pierre Appell, ŝtat subsekretario ĉe Franca ministerio por turismo, akceptis patronecon por la societo « Esperanto kaj Turismo », fondita en Paris.

*** Dum la 26a nacia kongreso de Esperanto en Chicago, okazinta dum Julio, la Esperanto-Asocio de Norda Ameriko diskutis la demandon de reorganizo. Sciigo mallonga ricevita nun diras :

La 26-a Kongreso de la Esperanto-Asocio de Norda Ameriko, voĉdonis unuanime ke ĝi aprobas kaj subtenas centprocente la agmanieron kaj la decidon de la UEA en la reorganiza afero.

*** S-ro E. E. Yelland, Esperantista Hejmo en Aspremont, Francujo, Alpes Mar., kolektas informojn pri esp. edziĝoj. Detalojn : Nomon, antaŭnomon de ambaŭ edzo kaj edzino, naciecoj, jaro de edziĝo oni sendu al li.

*** S-ro J. Ŝirjaev en Baklanka, Vologda gubernio, Ruslando, atentigas ke unua episkopo esperantista estis Gabrielo Kiperman, ortodoksa episkopo de Kievo, lerninta Esperanton en 1909. Aktive laboris en la movado, estis sekretario de grupo esp. Verda Stelo, konsulo de UEA, organizinto de la 2a Tutruslanda Esperantista Kongreso en la jaro 1913. Kaj nuntempe vivas en Ĉuguev, Harkova gubernio kaj estas fidela ano de UEA eĉ subtenanto. (Tio rilatas al artikolo en n-ro 393 de *Esperanto* pri Helpepiskopo D-ro Eltschkner en Praha).

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj :* L-letero; PK-poŝtkarto; PI-poŝtkarto ilustr.; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko; Gaz.-gazeto; k.ĉ.l.-kun ĉiuj landoj; C.r.-certe respondos.

Honora devo de ĉiu anoncanto estas, respondi almenaŭ unufoje al korespondaĵo ricevata per la anonco.

*Alkmaar* (Nederlando). — S-ro Johan Mandemaker, Stuartstraat 44, Del. de UEA, L. pri sovaĝaj birdoj (vivo, migrado k.t.p.) kun Okcidenta kaj Norda Eŭropo.

*Amoy* (Ĉinujo). — S-ro Lu Bunyan, Nan-an City, Chuan-Chow, L., PI., k.ĉ.l. pri ĉiuj problemoj kaj muziko.

*Asch* (Ĉehoslovakio). — S-ro Rudolf Hollerung, Rütlistrasse 2075, L., k.ĉ.l. pri internacia movado framasona.

*Barcelona.* — Esperanto-Societo, Nova Sento, Str. Llacuna 1, PI por 30 anoj de Cseh-kurso gvid. de F-ino Pähn.

*B.- Horizonte* (M. G.-Brazilo). — D-ro Luiz de Azeredo Coutinho, Caica 450. L., PI., PM.

*B.- Horizonte* (M. G. -Brazilo). — D-ro Edelweiss Teixeira, Av. Bernardo Monteiro 1542. L., PI., Medicino, Odontologio, Muziko.

*B.- Horizonte* (M G -Brazilo) — Lincoln Martins Vianna, Del. de UEA, Grao Mogol 197. L., PI.

*B.- Horizonte* (M. G.-Brazilo). — Sani Schwartzmann, Nova Lima 88. L., PI.

*B.- Horizonte* (M. G.-Brazilo). — David Brenner, Suassuhy 130. L., PI.

*B.- Horizonte* (M. G.-Brazilo). — Giovanni Miuscovich, Contorno 1970. L. PI.

*Beverwijk* (Nederlando). — S-ro H. H. van der Horst, Adrichemstraat volas korespondi pri zoologiaj kaj pajloŝtopaj aferoj ankaŭ pri la konkoscienco, kun sciencaj personoj el Suda Ameriko, Afriko kaj Aŭstralio. Certe respondos.

*Brüx* (Ĉehoslovakio). — S-ro Josef Beller, Jakobstrasse 1630. Korespondantoj atentu novan adreson!

*Chrást N° 19* (poŝto Umonín u Kutné Ĉehoslov.). — S-ro B. P. Snížek kun farmistoj en Britujo, Francujo angle, france, esp.

*Enschot* (Nederl.). — S-ro Jacq. C. van den Elsen, L. kun faŝistoj el ĉ.l. pri faŝismo kaj naciaj problemoj.

*Güssing* (Aŭstrio). — S-ro Hans Huber serĉas korespondadon el Italio por 20 jara lernantino. PI., bfl., L. Precipe el Roma k. Venezia.

*Kioto* (Japanujo). — S-ro H. Fukumura, Sonoda (kata), Inokuma Marutamaĉi agaru ; PI. kaj PM. C.r.

*Kyynärö* (Finnlando). — S-ro Lauri Aronen, L. Cr.

*La Ceiba* (Honduraso). — S-ro M. Jagoda, Del de UEA, petas pardonon pro ne-respondo tuja, trovante sin momente en Usono. Post reveno li certe respondos.

*Lyon* (Francujo). — S-ro Damiron, 17, rue Jacquard, P.I. Kĉl.

*Lisboa* (Portugal). — S-ro Fernando Carvela Ribeiro, studento, Rua da Escola Politecnica 111, PI., L., kun junaj f-inoj de Svedlando, Turkujo, Palestino, Japan. C.r.

*Mie-ken* (Japanujo). — S-ro Hideo Fukumura, Ueno-cho, Ajamagun, deziras interŝanĝi monerojn kun gesamideanoj tutmondaj. Bonvolu sendi kiel eble plej diversajn. Mi ankaŭ certe sendos al vi diversajn kaj interesajn, sed se vi volas aliajn, skribu pri via deziro, mi tuj sendos aliajn.

*Naivasha Kenya Colony* (Brita Okcidenta Afriko). — S-ro Hugh L. Hindmarsh dez. korespondi kun seriozuloj pri divenado de akvo kaj mineraloj.

*Nieder-Russbach* (N. Oest. Aŭstrio). — S-ro Franz Prokop, 20 jara, PK, PI aŭ L kun proksimume samaĝaj aŭ pli junaj fraŭlinoj de la tuta mondo. Nepre respondos.

*Olot* (Katalun. Hisp.). — S-ro Josep Estartus, presisto, str. Germa, 6, L. PI., Gaz., k.ĉ.l. Respondo garantiata.

*Olot* (Katalun. Hisp.). — S-ro Marceli Masferrer, str. Estires, 4, L. PI., Gaz.. k.ĉ.l. Respondo garantiata.

*Plzen* (Ĉehoslov.). — S-ro Karel Šip, Vresová 3. PI, L, PM kĉl.

*Pont-de-Beauvoisin* (Isère, Francujo). — Esperantista Grupo petas gekorespondantojn kaj esp-grupojn por L. vesperoj. Skribu al S-ro R. Roussin, rue du Collège.

*Porto* (Portugalujo). — Manoel de Freitas, rua do Monte da Lapa 49-1°, deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kaj bildflankpoŝtmarkojn k.ĉ.l. pri ĉiuj temoj. Ĉiam respondas.

*Praha* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro D-ro J. Gottlieb, Oldrichova 7./II. PM. laŭ mankolistoj kun seriozaj filatelistoj de la tuta mondo laŭ ĉiuj eŭropaj katalogoj por 1933. C.r. Validas tutan jaron.

*Praha* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro Inĝ. A. Gertner, Na Hradku 8/XII. PM.-interŝanĝadon kun honestaj kolektantoj de la tuta mondo por tuta jaro laŭ ĉiuj katalogoj 1933. Plenumas ĉian mankoliston de Ĉeĥoslovakujo rapide kaj bone.

*Sesana-Trieste* (Italujo). — S-ro Jozefo Košuta, PI., L., k.ĉ.l. kun junaj f-inoj en Esperanto, franca, angla, germana kaj en slavaj lingvoj. C. r.
*Takaoka, Tojama-ken* (Japanujo). — S-ro Masao Kakuo, kun geinstruistoj pri pedagogio.
*Trutnov* (Ĉehoslovakujo). — S-ro Karel Stárek, Pavla Kellera trída č.4. deziras interŝanĝi amatorfotojn kĉl., precipe ekstereŭropaj. Skribu nur rekomendite.
*Ukmergé* (Litovio). — S-ro Ignaco Uŝĉevskis, Kaŭno gtve 7 N. L., PI., k.ĉ.l. ĉiam respondas.

## Turismo

(Vidu paĝon 154)

### Bonvenon en Kolonjo

Faldprospekto kun urboplano de Köln, (23 cm alta, 10 cm larĝa, malfaldita 50 cm) kun ilustraĵoj. (Senpage al la kongresanoj).

### Santander

Ampleksa gvidlibro, informanta pri historio, kutimoj kaj monumentoj en Santander, (128 paĝoj, 19 cm alta, 14 cm larĝa) kun multaj ilustraĵoj, inter ili ankaŭ tiajn pri Altamira la fama groto kun la pentraĵoj de la prahomo. Verkis kaj aranĝis tiun ĉi gvidlibron, S-ro Julio Mangada-Rosenörn, kaj eldonis ĝin la Hispana Esperanto-Asocio kun financa helpo de la Nacia Patronaro por Turismo.

### Varna

Jam la kvaran fojon urbo Varna eldonas esp. gvidlibreton. La nuna koncize informas pri ĉio sciinda. 12 paĝoj, 10 cm larĝa 20 cm alta ilustrita.

## Petoj kaj Proponoj

### INTERNACIA KOMERCO

*Adreso.* — *Oscar Bünemann kaj edzino* informas siajn amikojn kaj korespondantojn pri sia nova adreso : Hamburgo 37, Isestr. 79, II., Germanujo.
*Adreso nova :* Josef Beller, Brüx, Jakobstrasse 1630 (Ĉehoslovakio). — La korespondantoj estas petataj skribi laŭ nova adreso. Mi daŭrigos interŝanĝadon de PI kaj PM. Interŝanĝe por PM mi donas diversajn jarkolektojn de « Esperanto » kaj Jarlibrojn de UEA.
*Bonhumoro.* — Esperantistoj estas gajaj kaj optimismaj homoj. Jes, ili estas bonhumoraj. Ĉu ĉiuj, ĉu ĉiam? Bonhumoro estas socia forto, fonto de influo, oleecigilo en la maŝinaro de homaj interrilatoj. Ĉiu povas kaj devus evolui en si bonhumoron pli ĝojan, pli profundan, pli senĉesan, tute kutiman. Ĉu vi volas tre progresigi nian aferon — kaj ankaŭ vian — plejbonhumoriĝu, legante « Bonhumoro », verkitan de Paul Nyssens, laŭ lia originala franclingva libro.
*Ekspozicio.* — S-ro Sédillot, VD de UEA en Béziers, Francujo, Hérault, 21, rue Blanqui, aranĝas ekspozicion : Esperanto en komerco kaj turismo. Li petas je bonvola alsendo senpaga de taŭga materialo.
*Esperantistul.* — Dum Septembro aperas la 5-a numero de la Rumana poresperanta organo « *Esperantistul* », sub la redaktado de S-ro D. N. Minĉev, delegito de UEA. Jarabono : enlande 15.— leojn ; eksterlanda 2 respondkuponoj. Adreso : D. N. Minĉev, Str. Sabinelor 12 — Constanta — Rumanujo.
*Foto-Amatoroj atentu!* — Amatorfotojn kun ĉiuj landoj, precipe kun ekstereŭropaj deziras interŝanĝi S-ro Karel Stárek, trída Pavla Kellera č.4. Trutnov (Ĉehoslovakujo) Skribu nur rekomendite.
*Historio de L.I.* — La Centra Oficejo de UEA deziras akiri ekzempleron de la verko *Histoire de la Langue Universelle*, de Couturat et Leau, en bona stato je konvena prezo. Sendu proponojn.
*Laboro serĉata.* — Samideano ĉeĥoslovaka, Geza Lévay el Komarno, seruristo, serĉas iun ajn laboron en eksterlando. Mi ĥavis la okazon vidi tiun samideanon kiu faras bonan impreson, kaj povus esti bonega laboranto por ĉio kio rilatas manlaboron. Ankaŭ aliaj samideanoj konataj en la movado rekomendis lin. Seriozajn proponojn oni sendu al mi persone : Hans Jakob, Direktoro de UEA, 1, Tour de l'Ile, Genève, Svislando.
*Parazitologio.* — S-ro S. Boev, bestkuracisto-helmintologo, Puŝkinskaja 43, Vet. Bakt. Institut, Alma-Ata, Kazakistan, U.S.S.R., dez. ricevi kelkajn verkojn angl. kaj german., pri parazitologio kontraŭ sovetiaj eldonaĵoj diverslingvaj. PI, PM, fot-aĵoj.
*Personinterŝanĝo* Post fino de supera komerca lernejo mi deziras iri per ŝanĝo en aliajn landojn. Bonvolu skribi al Mihály *Nagy*, ..*Nagyléta*, Hungarlando.
*Vegetara Ligo.* — La Administracio de la ligo kaj la redaktado de la bulteno « Vegetarano » transiris nun al S-ro I. Ionescu-Capatana, 10 Str. Dr. Istrate, Bukareŝto (Bucuresti) Rumanujo.

IMPRIMERIE ALBERT GRANCHAMP, ANNEMASSE - 600-9-33